XXIIa jaro. No 308 (4) ☆ Monata ☆ Aprilo 1926

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

☆

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . . 2.50 Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.

ENHAVO






Nian konferencon de Locarno ne facile forgesos ĝiaj partoprenintoj, ĉar ĝi ankaŭ komencis novan epokon de serioza kunlaborado inter niaj naciaj societoj kaj UEA sur praktikaj bazoj. Venis delegitoj de preskaŭ ĉiuj landoj de la eŭropa kontinento kaj unu el Japanujo, entute kvindeko da personoj.

La plej bela suno brilis super Lago Maggiore kaj regis inter ĉiuj la vera „spirito de Locarno" ĉirkaŭ tiu sama tablo kaj en sama salono, kie kunsidis en aŭtuno la reprezentantoj de l' ĉefaj eŭropaj potencoj. Se ili diskutis en nomo de registaroj, ni akordiĝis en nomo de la popoloj kaj zorgis, ke niaj modestaj decidoj estu ŝirmataj kontraŭ posta fuŝado pro iu aparta nacia intereso. Ni scias bone, ke la progresoj de helplingvo estas nur parto de la tutmonda reamikiĝo, sed ni scias ankaŭ, ke tiu parteto havas grandan valoron, ĉar je kio utilus interŝtataj subskriboj, se popoloj mem ne edukiĝos al homara malegoismo kaj reciproka servemo? Tion komuna lingvo ne nur ebligas, sed eĉ instigas.

Ni do ekzamenis kune la 42 punktojn de nia programo, unu post la alia, interalie radio, komerco, statistiko, gazetaro, someruniversitatoj, kongresoj, konferencoj, sciencaj eldonajoj ktp. Neniam antaŭe montriĝis tiom unuanima tendenco al komuna agado, disciplino kaj ĝenerala koncentrigo de fortoj.

Dum du tagoj tre serioze oni priparolis tiujn diversajn temojn, ne plu laŭ fantazio kaj teorio, sed kun evidenta intenco decidi nur aferojn tuj realigeblajn aŭ eĉ simple pliakceli la jam komencitajn.

Al „organizaj demandoj" oni nur unu horon dediĉis. Tio estas en si mem granda progreso. Ankaŭ tiam regis tre kontentiga Lokarna atmosfero. Ambaŭflanke estis klarigitaj kaj forigitaj erarkomprenoj kaj poste unuanime akceptitaj kelkaj aldonaj paragrafoj al la nuna regularo de K. R. por enmeti en ĝin tre ĝustajn principojn pri sekreta baloto kaj financa kontrolo de niaj centraj kasoj.

Pri elektoj ankaŭ regis deziro al unuanimeco. Kun kora danko al la britaj samideanoj pro ilia trijara gvidado de K. R. estis unuanime nomitaj niaj belgaj amikoj S-roj Petiau kaj Schoofs por la nova trijara periodo post Edinburgo.

El C. K. laŭvice kaj laŭstatute eliris memvole du el la kvar plej malnovaj anoj. S-ro Page, kiu jam de du jaroj deziris cedi sian lokon al malpli okupata homo, rifuzis novan kandidatecon malgraŭ insistaj petoj. Lin oni anstataŭis per D-ro Stromboli, la unua italo en C. K. La subskribinton oni reelektis. Pri la unuanimeco de tiu sekreta voĉdono mi kortuŝe dankas. Ĝi estas bonvena rekuraĝigo al amika kunlaborado kun ĉiuj niaj societoj senescepte.

Ambaŭ elektoj devos esti submetataj al skriba konfirmo de niaj asocioj antaŭ Edinburgo. La sola bedaŭro estis pri la foresto de la britoj. Ni scias, ke ili travivis ioman internan krizon, sed ni scias ankaŭ, ke ili ĝin solvos kaj retrovos dum la kongreso sian plenan kuraĝon.

En Locarno ĉiuj respektplene evitis iel ajn enmiksiĝi en la problemojn de niaj anglaj samideanoj. Ilia merito por nia afero estas tiel granda, ke troviĝis tuj pluraj C. K. - anoj pretaj cedi sian lokon al brito venontan jaron, se esprimiĝas por tio deziro kaj unuanimeco en lia lando.

Lastan aŭtunon germana kaj franca ministroj deklaris ĉi tie, ke ekparoliĝis en Locarno nova lingvo: tuteŭropa. Ĉe nia konferenco, kvankam pli modesta, tio ne estis nur bela vorto, sed fakto jam de longe spertita. Ni ankaŭ ne haltas je Eŭropo. Esperanto estas ja tutmonda kaj ni uzas niajn vivojn por ĝin igi tia ĉiun tagon pli kaj pli. Do blovu la spirito de Locarno sur flugiloj de Zamenhofa lingvo trans maroj kaj kontinentoj!

*Edmond Privat.*

 EL NATURO KAJ SCIENCO 

## Raso kaj nacio.

El *Jean Richard Bloch:* Sur un cargo (Paris 1924. Les documents bleus N. 10).

Ni pensas al tiu *Ottar Jarl,* en kiu *Gobineau* donas kiel fondinton al sia familio unu el tiuj nordaj ĉefoj, grandaj, longkapaj blonduloj kun bluaj okuloj, kiuj estas laŭ li la tipo de l' pura ariano.

Kontraŭe, S-ro *Boule,* kies *Hommes fossiles* mi ĵus legas, faras de la *homo alpinus* la plej valoran kranion de l' okcidentaj rasoj — malgrandan braĥikefalulon kun peza cerbo kaj multepovaj intelektaj kapabloj, la praavon de nia „Auvergnulo." Gobineau estis granda blondulo kun bluaj okuloj; ni ne estu mirotaj, ke S-ro Boule, se mia memoro ne trompas min, estas forta kaj simpatia braĥikefalulo (mallongkraniulo).

Sed, legante lian libron, mi estas precipe frapita per unu fakto: post la tempo, kiam floris la mirinda arto de la troglodítoj de *Cro-Magnon,* venis aliaj, kiuj kreis la nunan distribuon de la grandaj homaj rasoj, kiun ni hodiaŭ trovas en Eŭropo. Multe pli alta industrio kuniĝas en ili kun malriĉa, preskaŭ neinteresa arto. Ŝajnas, ke al mistika artista raso postvenis raso lerta, maldelikata kaj pozitivema.

Unu fotografaĵo min longe okupas. Ĝi prezentas homan vertebron paleolitikan el Cro-Magnon, trapikitan de neolitika sago. La pinto de la sago restis en la osto, kiun ĝi trairis por piki la medolon. La homo, kiu estas mortigita tiam eble estis unu de tiuj geniaj artistoj, kiuj ornamis la kavernojn de la centro de Franclando.

Aliaj kruelaj analogioj sin deligas de la bildo de tiuj malnovaj fariĝoj. Jen raso entreprenema, laborema, fortika, senkompata, malmulte artista, malmulte turmentita de magio, nemulte maltrankvilita de la vido de la naturo kaj de la problemo de homa dramo. Mi nur devas rigardi ĉirkaŭ mi; la okcidento al mi respondas. Kiu vendis sian animon, por akiri la mondon? Kiu forlasis la arton delogi la kvarpiedulon kaj la birdon per belaj bildoj, por atingi muskolan regadon de la regnoj de l' mondo? Kiu posedas en sia dispono la plej belajn maŝinojn por la milito, industrio kaj aliaj, kaj uzas ilin por malpurigi la vizaĝon de la tero per plata malbelo kaj malmorala riĉeco?

Se tio estas vera, la pinto de la neolitika sago, fiksita en la vertebro de la malgranda loĝanto de la ornamitaj kavernoj, portas en si la tutan historion de la blanka raso. La homaj ondoj kiuj elverŝiĝis sur Azio ne portis pli terure agemajn kaj senkompatajn venkulojn ol tiuj, kiuj faris Eŭropon kontinento de manufakturoj kaj fabriko de l' mondo. Ne estas malfacile antaŭvidi la venĝon de la flava kaj nigra rasoj.

Certe estis utile, ke venis movebla raso por malkovri la elementojn de la scienco, kiu iam alportos al ni uzeblon de la naturaj fortoj. Tiu raso donis pruvon de sendubaj ecoj de ordo, metodo kaj abstraktpovo. Sed la uzo, kiun ĝi faris de la unuaj rezultatoj de sia praktika genio timigas nin, ke ĝi ne povos eviti iliajn sekvojn — „iliajn preskaŭ neeviteblajn konsekvencojn."

Antaŭ fermi tiun-ĉi libron, mi elprenas el ĝi la jenajn liniojn: „Necese estas bone penetriĝi de l' ideo, ke la raso, prezentante kontinuecon de korpa tipo, tradukante la parencecon de l' sango, reprezentas naturan grupon, kiu ĝenerale havas nenion komunan kun la popolo, la nacio, la lingvo, la moroj. Ne ekzistas raso bretona, sed popolo bretona, ne raso franca, sed nacio franca, ne raso aria, sed lingvoj ariaj, ne raso latina, sed civilizacio latina."

Tradukis *W. Köppen.*

---

## Raso kaj historio.

Ni prezentas sube kelkajn alineojn el la lasta verko de Ĝeneva antropologo *E. Pittard:* Les Races et l' histoire, Paris 1924, 640 pp.

La raso kaj la historio! Tiuj du vortoj, apude metitaj, ŝajnas enteni tutan programon, kiun ili kvazaŭ solvas antaŭe. Kiaj rilatoj povas ekzisti inter ili ambaŭ? Ĉu eblas starigi, serioze, science, rilaton de kaŭzo al efekto inter la homaj rasoj, konsiderataj kiel interne apartaj, kaj la historiaj okazintaĵoj?

En ĉiuj historiaj epokoj estis grandaj nacioj, grandaj civilizacioj, apud nacioj sen gloro, civilizacioj malgravaj. Ĉu oni povas diri ke unuj kaj aliaj estas nuraj rezultoj de ilia rasa konsisteco?

Ĉu ekzistas en la mondo etnikaj grupoj kiujn oni povus dividi je fortaj rasoj kaj malfortaj rasoj? Aliflanke, se la fortaj rasoj povis krei kaj longe subteni grandajn aferojn, kiel oni povas klarigi ilian malfortecon, dekadencon, neeviteblan falon? Kial Kaldeo, Persio, Egipto, Hellado, Romo, post la brila periodo, malaperis? . . . La plej granda eraro, kiu pezas sur la verkaro kaj malhelpas la sciencan esploron, estas la konfuzo kiu regas en senfinaj komparoj, similaĵoj, derivadoj. La kompara etnografio depost tridek jaroj estas venenita de la pseŭdo-etnografoj kiuj volis nigrigi la paperon.

Tro ofte oni maldistingas la rason kun la lingvo. Bedaŭrinde, eĉ nun, en multaj lernolibroj kaj en la ĵurnaloj, temas pri „latinaj rasoj", „germanaj rasoj", „slavaj rasoj", ktp. Mi ne dubas, ke la aŭtoroj de tiuj lernolibroj klare scias ke tiuj „rasoj" ne ekzistas. Sed, diras ili, tio estas rimedo por klarigi al la lernantoj la distribuon de la popoloj. Eble. Sed tiu rimedo enradikiĝas en multaj cerboj la eraron, kaj ĉu ne estus saĝe tion ne fari?

Ekzistas sur la tero malsamaj rasoj kiuj parolas la saman lingvon, ekzemple negroj la francan, mongoloj la rusan, hindoj la anglan. Kaj ankaŭ ekzistas homoj de la sama raso kiuj parolas malsamajn lingvojn. Ekz. al la „kelta" (cevenola) raso apartenas multaj francoj, italoj, svisoj, aŭstrianoj, hungaroj, rusoj, ĉeĥoj, rumanoj, k. a.

Antropologia analizo de Eŭropo estas komencita, sed ĝi ankoraŭ longe ne estos finita. Tamen ni jam havas kelkajn ĝeneralajn trajtojn pri la eŭropa etnografio. Ni vidu mallonge la nunajn rasojn de Eŭropo, tiajn kiajn starigis Deniker.

I. Raso blonda, longokrania, altstatura (172—173 cm), nomita „norda, germana, kimra." Al ĝi apartenas grandaparte (ne ĉiuj!) skandinavoj, finnoj, rusoj, germanoj, danoj, nederlandanoj, angloj, belgoj, nordfrancoj.

II. Raso blonda, mallongokrania, malaltstatura (163-164 cm), nomita ankaŭ „orienteŭropa, vistula“: okcidentaj rusoj, poloj, litovoj, latvoj.

III. Raso bruna, longokrania, malaltstatura (161—162 cm), nomita ankaŭ, „sudeŭropa, mezmara“: Suda Italio, Sicilio, Grekio, Korsiko, Sardenjo, Balearoj, Iberia duoninsulo, Suda Francio.

IV. Raso bruna, mallongkrania, malaltkreska (163-164 cm), nomita ankaŭ „kelta, cevenola, okcidenteŭropa“: Karpatoj, Slovakio, Alpoj, Meza Italio, Sudokcidenta Francio.

V. Raso bruna, mezokrania, altstatura (166—169 cm); marbordoj de Hispanio, Francio, Italio, Belgio, Anglio.

VI. Raso bruna, mallongokrania, altstatura (168—173 cm), nomita ankaŭ „adria, dinara“: Okcidenta Serbio, Bosnio, Hercegovino, Dalmatio, Montenegro, Norda Albanio, Suda Rusio, Karpatoj, Norda Italio, Grizono, Aŭstrio.

El la supraĵa legado de ĉi-libro kelkaj personoj povus supozi ke oni devas kredi ke vere ekzistas ia rilato inter la raso kaj la historio, reciproke interdependaj. Tamen oni povas konstati ke mi tion ne eldiris, ĉar hodiaŭ estas tute neeble nei tiun rilaton, aŭ ĝin afirmi. Tamen estas certe ke ekzistis kaj ekzistas rasoj pli kuraĝaj ol la aliaj, aŭ pli entreprenemaj, militemaj, aŭdacaj. Sed unu sama raso, en daŭro de sia historio, estis laŭvice jen pacema, jen militema.

---

##  NOTOJ 

**Alfo, aŭ stipo teneca, havas latinan nomon Stipa tenacissima: ĝi kreskas abunde sur sunflankaj altebenoj de Norda Afriko. Jam Plinius priskribis rikoltadon kaj uzadon de tiu valora teksplanto. Oni faras el alfo kordojn, ŝnurojn, fadenojn, brosojn, matojn, ŝuojn, tapiŝojn, rubandojn, sakojn kaj paperon. Ĉiuspecaj ŝtofoj kaj toloj estas ankaŭ fabrikataj el tiu fibraĵo, same utila kiel lino kaj kanabo. Nur el Tuniso en la 1920 oni elportis 57000000 kg da alfo, destinita plejparte por la angla industrio.**

*

**Zamenis estas scienca nomo de unu interesa genro de serpentoj, tre bele koloraj, verdaj, flavaj, brunaj. Ili apartenas al familio de kolubroj, tute sendanĝeraj bestoj, kiuj ne havas venenon en sia buŝo. Ĝi vivas en sud-okcidenta Francio, Svislando, Aŭstrio. Ĝi ne ŝatas akvon, sed preferas sekajn, sunajn lokojn je rando de arbaro, inter rokoj kaj arbustoj. Ĝia longo povas atingi 1,5 ĝis 2 m. Ĝi ofte timigas homon per sia atako, ĉar ĝi ne ŝatas esti maltrankvilata, sed ĝia mordo ne estas venena. Zamenis povas alhejmiĝi, kaj tiam ĝi estas milda kaj scivolema ulo. Ĝi nutras sin de lacertoj, birdidoj, musoj kaj aliaj bestetoj.**

*

**Kiango, sovaĝa azeno de Gobia Dezerto en Azio, estis studita de S-ro R. Andrews, ano de la Third Asiatic-Expedition. Andrews sukcesis precize mezuri la galoprapidecon de l' kiango, kiun li postsekvis sur sia aŭto, kaj interalie fotografis. Unue kiango kuregis kun rapideco de 65 km hore, poste nur de 50,35, ĝis fine ĝi senfortiĝis kaj haltis. Je la honoro de l' ekspediciano oni devas noti, ke li ne mortigis la kompatindan azenon, sed trinkigis ĝin, kaj adiaŭis!**

---

# Familio-historio.

Certe multaj homoj kelkfoje demandas sin: „kiuj estis miaj prauloj?“ sed nur malofte ili trovas respondon, ĉar bedaŭrinde preskaŭ ĉiam mankas tradicio pri tio, plej ofte oni nur scias, kiu estis la avo aŭ eble la praavo. Lastatempe oni povas rimarki en vastaj rondoj kreskantan intereson pri tiuj ĉi demandoj, precipe ankaŭ en burĝaj familioj, dum en pli fruaj tempoj ĝenerale nur la nobeloj konservis familiajn tradiciojn. Estiĝas nun diversaj unuiĝoj, kiuj celas helpi al siaj membroj ĉe iliaj esploradoj kaj kiuj eldonas fakgazetojn. Mi mencias nur la plej grandan en Germanujo: „Zentralstelle für Deutsche Personen- und Familiengeschichte (Centra oficejo por germana person kaj familio-historio) en Leipzig“, kiu estas servata per science instruitaj oficistoj.

Ne malofte transpaŝas la esploradoj la proprajn landlimojn, kaŭzite per elmigrado, geedziĝo de malsamlandanoj ktp. kaj tiam la afero fariĝas internacia kaj povas okupi ankaŭ nin esperantistojn.

Tial estas dezirinda ke oni sciu la signojn, per kiuj oni montras la ĉefajn vivodatojn de ia persono.

Ili estas jenaj:
* = naskita
† = mortinta
∞ = edziĝinta, edziniĝinta
X = eksedziĝinta
~~ = baptita
▭ = enterigita.

Pli frue oni precipe nur kompilis tabelojn pri la posteuloj devenintaj de ia persono, nun oni kompilas tabelojn ankaŭ pri la prauloj, kiuj povas liveri valorajn sciojn pri heredo de korpaj kaj spiritaj emoj kaj ecoj, malsanoj, vivodaŭro ktp.

La tabeloj pri posteuloj estas neregulaj, ĉar la nombro de la koncernaj personoj varias. La strukturo de la tabelo pri prauloj estas ĉiam la sama ĉar ĉiu homo havas du gepatrojn, kvar geavojn, ok praĝavojn ktp. Jen la skemo:




N-ro 1 estas la persono kies praulojn la tabelo pritraktas. Veraj gefratoj havas la saman tabelon kaj ĉiu el ili estas N-ro 1.

N-ro 2 estas la patro de N-ro 1
„ 3 „ „ patrino „ „ 1
„ 4 „ „ patro „ „ 2
„ 5 „ „ patrino „ „ 2 ktp.

Do la viroj ĉiam (escepte N-ro 1, kiu povas esti viro aŭ virino) havas parajn numerojn, la virinoj neparajn numerojn.

La presado de tiaj tabeloj estas iom malfacila kaj multekosta, tial oni ordinare presigas anstataŭ ili listojn kun la supra numerado.

La kompilado de tiaj detalaj tabeloj kaj listoj kun ĉiuj precizaj vivodatoj, profesioj, lokoj de naskiĝo, geedziĝo kaj morto estas laboro postulanta sufiĉe multe da tempo, mono kaj penado, sed ĝi instigas kaj pligrandigas la intereson je familiaj interrilatoj. Kiu ne emas, ĝin entrepreni, pretigu almenaŭ notfoliojn por ĉiu familiano, enskribu ĉiujn datojn de iliaj vivo-okazintaĵoj kaj konservu la foliojn por siaj posteuloj, por ke ili povu daŭrigi la tiamaniere ekkomencintan familio-historion.

*Max Schrank*, Kempten i. Allgäu.

---

 LITERATURO 

## Malkaraj nuksoj.

Humoraĵo de *Abel Kommok.*

Sinjoro Ginofil, rentulo kaj membro de la Individualista Klubo, venis al la vendreda vendoplaco por fari proviz-aĉetojn. Li vivas sola, kaj sole mastrumas, kiel decas al li, la triobla eksedzo kaj membro de la I. K.

Sed lia koro ne estas malmola, ĝi ĉiam larĝiĝas en la ĉeesto de belaj hominoj, kies aĝo superas 10 kaj malsuperas 50 jarojn. Nu, ankaŭ inter la placvendistinoj ekzistas belulinoj, kaj tiu cirkonstanco kaŭzis al Ginofil. eksterordajn aventurojn, pri kiuj mi kuraĝas raporti al vi, ŝateblaj legantoj.

— Malkaraj nuksoj, malkaraj nuksoj, rapidu, freŝaj malkaraj nuksoj . . . — tiel kantekriis melodia voĉo kiu tremigis la koron de Ginofil: li turnis la kapon, kaj vidis du graciajn nigre-vestitajn knabinojn, de la kampara aspekto, el kiuj unu laŭte invitis la aĉetontojn, dum la alia, la mano sur la kokso, reveme rigardis la amason svarmantan sur la placo. Tiu ĉarma duo tuj altiris sinjoron Ginofil, kiu alpaŝis la knabinojn, kaj — ne demandante la prezon — petis pri du kiloj da nuksoj. La revema knabino iris alporti pesilon de najbara vendistino, kaj tiun intertempon profitis nia sinjoro por okulkaresi ŝin irantan kaj ŝian fratinon restantan. Tamen, la unua revenis, la dua forpesis la nuksojn, kaj la rava tempeto finis, kiel finas ĉiuj aferoj en nia mondo — belaj kaj malbelaj. Do, Ginofil ekiris pluen, aĉetis la necesojn, dufoje repreteriris la du knabinojn, kiuj ŝajne ne plu havis aĉetantojn, kredeble pro malbona kvalito de la nuksoj — tro malgrandaj, lignecaj. Fine, nia sinjoro, bedaŭrante forlasis la placon, kaj sin direktis al la hejmo, meditante pri sola konsolo kiu restis al li, pri la nuksoj, kiujn tuŝis la graciaj manoj, kiujn iam portis la samaj adorintaj manetoj, kiujn rikoltis eble la du anĝelinoj mem . . .

Reenhejme sinjoro Ginofil tuj ekdeziris gustumi la simpatiajn nuksetojn, kaj, preninte unu el ili, li ĝin premis en la mano. Sed la mano ne povis rompi la nukseton. Ginofil ĝin frapetis, poste frapegis sur la tablon, sed la nukseto rezistis. Tio mirigis nian sinjoron, li ja neniam havis aferon kun la nekulturitaj nuksoj, kies speco nun estis antaŭ li. Do, Ginofil estis devigata elseĝiĝi por iri al ŝranko kie estis la nuksrompilo. Sed tiu ileto siavice montriĝis senpova ĉe la nukseto. Mirigita Ginofil akurate metis la obstinan nukseton flanken, kaj elprenis la alian: ĝi same rezistis, kiel la tria, kvara, kvina. Tio komencis esti amuza. Mirindaj nuksoj. Do eklaboris la martelo: Ginofil metis la nukseton sur la tablon, kaj ekmartelis, unue delikate, oftete, poste pli-kaj-pli forte. En la sama horo, sub Ginofil, en la suba etaĝo, elnerviĝis la dommastrino, maltrankvila pro la bruoj kaj frapoj, farataj de Ginofil, super ŝia kapo. Tamen la nukseto obstinis. La individualisto frapis kaj frapis konstante, ĉiam pli kaj pli ravita de la rezistado. — Kia forteco, kia fortikeco . . . ho, la sana kampara raso, bela raso de la homoj kaj de la nuksoj . . . — Sed, unufoje, la frapo estis tiomega, ke la nukseto fulmmomente platiĝis, tute dispremita, sub la frapego. — Jen, jen fine . . . sed tio estas troa . . . — Vere, tio estis troa: la oleriĉa kerno tute ne estis manĝebla, ĝi prezentis ian paston, kaĉeton, miksitan kun la ŝeleroj. La martelo ne estis taŭga, ĝi aŭ ne rompis aŭ tro rompis. Kaj la nuksoj, la simpatiaj nuksetoj, estis akiritaj por la manĝo, ne por la rigardado, ne por la neniigado. — Mi bezonas pli fortan nuksrompilon, kaj mi ĝin tuj havos. En kvin minutoj Ginofil atingis proksiman feraĵ-butikon, kaj aĉetis la plej grandan nuksrompilon, kiu — laŭ la diro de la komizo — kapablis disrompi eĉ kokoson. Reveninte kun la nova ilo, Ginofil atakis la nuksetojn, sed vane. Nun li ekfuriozis: kia maltaŭga nuksrompilo, kvankam laŭdita de la komizo, . . . mi ĝin reportos al la butiko . . . — Kunpreninte kelkajn nuksetojn, Ginofil forrapidis reporti la ilon al la butiko. La komizo ekridetis, vidinte la nuksetojn, prenis unu el ili, metis en la ilon, kaj ekpremis: nenio, rea streĉo — nenio, plia streĉo — krak . . . rompiĝis unu mantenilo de la nuksrompilo. La komizo ĵetis al Ginofil la rompitan ilon, kaj ne plu volis aŭdi ion pri la nuksoj. Nia sinjoro bone komprenis, ke la komizo estis neriproĉebla, do li pagis la rompitan rompilon, kaj revenis hejmen. Ne tia estis Ginofil por perdi la kuraĝon. Li ree ekmartelegis la nuksetojn. Sed nun ne plu povis silenti la nerveca dommastrino, al kiu ŝajnis ke la plafono devas frakasiĝi sur ŝian kapon. Ŝi do sendis la servistinon kiu anoncis al Ginofil, ke la mastrino ne povas toleri la frapadon, ĝi ĉesu tuj, se ne — la mastrino vokos la policanon. La sorto tamen volis, ke ĝuste en la momento, kiam eniris la servistino, la nukseto cedu tute dece, kaj vere la ŝelegeto diskrakis tiom perfekte, ke la kerno eliĝis tute sana, ronda. Tiu unua kaj neatendita sukceso ravis Ginofilon, igis lian humoron bonega, li do tre afable respondis al la ino. Li decidis foriri el la hejmo por daŭrigi la operaciadon kiu komencis fariĝi sukcesplena. La ino for, li plenigis la poŝojn je la karaj nuksetoj, kunprenis la martelon papere volvitan, kaj rapide eliris. Preterpasante la mastrinan pordon, li ekpensis, ke estus ĝentile ŝin viziti, klarigi la kaŭzon de la bruo, peti

la pardonon. La mastrino bone akceptis Ginofilon, scivole aŭdis liajn klarigojn pri la nuksetoj, kaj eĉ ridetis kiam li montris la martelon per kiu li ekfrapetis unu nukseton tiritan el la poŝo. Sed la demonstracio finis akcidente: je la kvina aŭ sesa frapo la nuksето — kun seka krako — perfekte diskrevis, dum sammomente la mastrino ekkrietis subite dolorita en la dekstra okulo, kiun ŝi instinkte ŝirmis per la mano, sed jam malfrue — eta akra ŝelero trafis ĝin . . . Konfuzita de la katastrofo Ginofil, profitante la momenton kiam ne plu vidpova (la alia okulo aŭtomate ankaŭ fermiĝis) mastrino baraktis en la ĉirkaŭbrakoj de la helpema servistino, nia malŝanca Ginofil senprokraste elglitis, la martelo enmane. Freŝa aero, bona suno de la ekstero kaj precipe la karaj nuksetoj en la poŝo — potence boninfluis Ginofilon. La vivo ne estas malbona: ni ĝuu modeste. Kaj tiu penso tute gajigis la membron de la I. K.; li iom vagis tra la stratoj, la martelo kaŝita sub la mantelo, la poŝoj elĝibaj pro la nuks-enhavo. La subkonscio, lia fidela amiko, tamen ne dormis: ĝi kondukis sian reveman mastron, puraniman Ginofilon, al la plej kvieta loko de la urbo, al la plej majesta izolejo, plena je floroj, kantbirdoj, artaj skulptaĵoj, al la loko kie turtumas la am-geoj kaj ge-kolomboj. Tiu loko, la tombaro, vere estis la sola rifuĝejo — inda kaj kapabla doni al Ginofil ĉiujn eblecojn por lia interrompita operaciado. La subkonscio faris sian taskon, nun Ginofil mem rimarkis, ke li laŭas la vojon kondukantan al la tombaro: nu li subite ekhavis feliĉan ideon eniri la mort-urbon por tie esti trankvila kun siaj nuksetoj. La subkonscio ridis pri sia naiva mastro, kiu pensis, ke „li" ekhavis la feliĉan ideon iri en la tombaron. — Restu en sia feliĉa iluzio, mia karulo, murmuris la subkonscio ree zorga pri tio, ke la piedoj de la purkora Ginofil ŝtupu ĝuste, ne tuŝu ŝtonetojn de la vojo, ke la martelo ne elglitu el la mano. Nun, en la civito de l' paco, Ginofil vere „mem" elektis malproksiman de la enirejo angulon, maskitan de rozarbustoj, apud iu marmora monumento kiu figuris anĝelon kun folikrono super duonkuŝanta junulo; sur la bazo estis skribo: „El nia mondo tro frue foriris vi, en landon de l' eterna harmoni'. 1852—1881." Ĉe la monumento staris masiva tablo kaj benko — ambaŭ ŝtonaj, kaj tie Ginofil haltis. Unue li kviete sidis, plenspirante la puran aeron, ĵetante la rigardojn ĉirkaŭ si, ĝuante mildan pepadon de l' nevideblaj birdoj, varmetan kareson de l' sunradioj. — Oh, la bela vivo, la bona suno . . . sopiris li feliĉa, ke la akcidentoj de l' tago estis jam for. — Nun, miaj karaj nuksetoj, bonvolu eliri, ne pensu, ke sinjoro Ginofil estas homo, kiu timas la barojn, li ne estas el tiu molkora speco kiu perdas la kuraĝon antaŭ la vivbatoj . . . se vi, karuloj, rezistas — mi obstinas . . . — Post tiu antaŭparolo, eksvingis la martelo, ĝoje ekkrakis la nuksetoj sur la granita tablo, dolĉe ekmaĉis la makzeloj. Tio estis tute honeste perlaborita ĝuo. „Laboru kaj esperu" por Ginofil signifis: martelu kaj makzelu. Sed ĉio en la mondo estas provizora, nedaŭra, forema . . . ankaŭ la feliĉo de Ginofil estis nur momenta: ĉar en la ĉirkaŭaj arbustoj jam grimpis unu senokupa polic-agento, altirita de la ritma bruo. Verdire, li vizitis la tombaron ne por ĝui la kvietan pacon, nek por aŭdi la pepadon aŭ deĉifri la surskribojn. Li venis pro la devo, sendita de la detektivestro, kiu ricevis multajn plendojn pri ŝtelitaj bronzeroj, metalkronoj, silkaj rubandoj. Nu, la ritma martelado kredeble signifis la krim-laboron de iu el la bando. Efektive, la civilagento ekvidis tra la folioj iun grizvestitan ulon martelantan sur la granito. Se Ginofil laboris sen zorgi pri la ĉirkaŭo, lia subkonscio streĉe atentis pri la plej etaj sonoj. La ĉeesto de la agento do tuj estis perceptita, kaj tio multe amuzis la subkonscion: — ho, homo, vi kredas esti kaŝita en la arbustoj, sed vi jam estas kontraŭobservata de mi, de la fidela servanto ĉe sinjoro Ginofil . . . sciu, ke mia sinjoro estas perfekta kaj purkora homo . . . — Tiu interna monologo fine vibrigis la nervojn de Ginofil mem, kiu haltis, profunde enspiris kvazaŭ flarante, ĉirkaŭrigardis, ree enspiris profunde, kaj subite eksentis ian malklaran tumulton, subite perdis la emon maĉi, la emon esti sidanta . . . Estis fatala momento, dum kiu la enarbusta agento eltiris sian poŝlibreton, ekskribis la detalan raporton pri la observita homo kaj pri liaj misteraj agoj. La subkonscio perfekte profitis tiun momenton por puŝeti la mastron, jam suspekteman . . . Senbrue, mole, elaste forpaŝis Ginofil, decida nun promeni, poste reveni hejmen. Li jam estis kelkdek paŝoj de la fatala tablo, kiam la agento ree levis la kapon por elvidi kelkajn aldonajn detalojn de la krimulo, sed tiu ne plu estis, la granita tablo staris senhoma. La detektivo rapideme elmarŝis for de la arbusto, kaj lin ekvidis Ginofil rapidanta el la tombaro. La subkonscio ne plu ironiis: ĝi instigis sian protektaton kuri, kuregi, sin savi de la detektivo, kiu sammomente kriordonis al Ginofil halti. Kurante kontraŭ la muro, Ginofil — obea al la instinkto — lerte surgrimpis la muskokovritajn ŝtonojn, kaj malaperis en la apuda arbareto. Ĉio estis finita por la detektivo kiu tute ne atendis tioman viglecon ĉe la kruroj de tiu ŝajne kvindekjara individuo.

La detektivo jam trankviliĝis, kaj sin direktis al la „Ora Krono" — konata apudtombara kafejo — dum Ginofil ankoraŭ kuris kaj kuris tra la arbareto, aŭdante en sia supertimita imago la krakojn kaj bruetojn post sia dorso. Tiam lia subkonscio ree ekironiis: Kien ci kuras, mizerulo, facilanimulo, aventuristo, virinemulo? Kial ci kuras, malkuraĝa krimulo?

Ci, petolaĉa kiel printempa virkato, timaĉema kiel aŭtuna leporo? Haltu, ĉesu, atendu . . . — Ginofil ne aŭdis tiujn saĝajn kaj justajn parolojn, admonojn. Li subite haltis. Profunda paco regis ĉirkaŭe. Nenia sono — krom lia propra spiregado. Senmova Ginofil plurfoje ĉirkaŭrigardis, ĉirkaŭaŭskultis, ordigis siajn vestaĵojn, kaj nur tiam rimarkis, ke lia pantalono estis makulita, lia mantelo ŝirita, — verŝajne dum la murgrimpo kaj salto. Li atendis ĝis la krepusko, kaj milde revenis hejmen. Survoje li forĵetis la nuksojn en la rivereton, kiu fluis sub liaj piedoj, kiam li paŝis sur la ponteto. Kvazaŭ dinamitajn bombojn aŭ venenajn pilolojn, tiom singarde kaj tremante li ilin elpoŝigis kaj ĵetis.

Hejme lin atendis nova surprizo. La mastrino vokis kuraciston, kiu eligis el ŝia okulo la akran peceton da nuksoŝelo. La mastrino do postulis, ke Ginofil pagu la kuracistan viziton. Ginofil senprokraste pagis. Post la tombara aventuro li iĝis milda kiel ŝafido, delikata kiel anĝelo.

En la lito Ginofil rememoris la tagon, vere riĉan je la travivaĵoj, kiujn kaŭzis la nuksoj, la malkaraj nuksoj. Vere, ili estis por li nun tute mal-karaj, malamindaj, ĉar la taga elspezaro finfine resumiĝis jene:

| | | |
|---|---|---|
| Nuksoj, 2 kilogramoj . . . . . | 1 fr. | 80 cent. |
| Nuksrompilo rompita . . . . . | 2 „ | 25 „ |
| Martelo perdita en la tombaro . | 1 „ | 50 „ |
| Mantelo riparota . . (proksimume) | 5 „ | — „ |
| Vizito de la kuracisto. . . . . | 25 „ | — „ |
| Trinkmono al la servistino . . . | — „ | 50 „ |
| entute | 36 fr. | 05 cent. |

Post tiu aventuro Ginofil perdis emon al la nuksoj. Sed li ne perdis intereson al la graciaj estaĵoj. Tio havigis al li pluajn aventurojn, pri kiuj ni eble iam aŭdos.

---

# Pri la moderna Renesanco

de *S. R. Palaĉori.*

La scienco de l' 19-a jarcento estis dum longa tempo kvazaŭ ŝtoniĝa en sia mallarĝa rondo da t. n. „precizaj“ sciencaj fakoj. Oni tro fidis je la seka klasifiko kaj oni senrezerve kredis omnipotencon de l' aprioriaj teorioj pri l' atomo, etero, molekulo kaj vibrondoj.

Alifianke, ĉiuj „neoficialaj“ fenomenoj kaj projektoj estis reĵetitaj al fantazio de diletantoj kaj al amatorismo. Kvankam mokataj, tiuj kuraĝaj diletantoj kaj amatoroj sukcesis plenumi grandiozan laboron kiu praktike superis ĉiujn akirojn de la scienco oficiala.

Belaj eltrovoj de *Edison,* kinematografo, aŭtomobilo, aeroplano kaj tuta moderna aviado, submaraj ŝipoj, prahistoria arĥeologio, malkovro de hinda sankta literaturo, principo de relativo (kiun profite akceptis *Einstein*), telepatio, psikometrio, ĝenerale novopsikismo kaj cent aliaj eltrovoj — estis rikolto de „neoficiala“ studado.

Tamen, la plej klarvidaj sciencistoj baldaŭ komprenis, en la daŭro de l' 19-a jarcento mem, tutan „skolastikecon“ kaj nenaturan mallarĝecon de l' oficiala scienco: matematisto *Henri Poincaré,* fizikisto *Oliver Lodge,* kemiisto *William Crookes,* filozofoj *Fechner, James* kaj *Bergson,* jen estas ekzemploj de l' doktoroj kiuj, unu sendepende de l' alia, kuraĝis rompi dormigan ĉirkaŭmuron de l' oficiala scienco — por serĉi larĝan kuntuŝon ĉe la senfina natura mondo.

Tiamaniere — tiuj modestaj diletantoj kaj tiuj famaj sciencistoj, tute neatendite, sin renkontis kune antaŭ la elirejo, kiu kondukis el la mallarĝa artefarita mondo oficiala al la senlima mondo natura.

Oni volonte akceptis telepation, viziecon, fantomaperojn . . . kiel naturajn fenomenojn, vere maloftajn, sed ne pli maloftajn ol sunaj eklipsoj aŭ bolidaj faloj. Anstataŭ klarigi tiujn okultaĵojn per la spiritoj kaj mortaj animoj, oni komencas ilin rigardi el tute natura vidpunkto, kiel fenomenojn de homa radiado kaj de ektoplasmo. Ĉar tiuj „mirindaj“ aperaĵoj jam estas fotografataj sub la severa oficiala kontrolo, nun, neniu boninformita homo povas dubi pri la realeco de l' psikaj fenomenoj.

*Maurice Maeterlinck,* viro tutmonde ŝatata, poeto kaj pensulo, frue aliĝis al la moderna renaska spiritmovado, al la nova „Renesanco“. En la serio da verkoj, kie nobla stilo fandiĝas kun profunda penso kaj ardanta veremo, *Maeterlinck* resumas ĉiujn eltrovojn kaj problemojn de l' neoficiala verserĉado. Tiaj estas liaj: *Le grand secret, L'hôte inconnu, La mort, La vie des abeilles, L'intelligence des fleurs, La sagesse et la destinée* . . . k. m. a.

Kiu estas ĉefa trajto de la moderna Renesanco? Ni eble ĝin povus resumi per unu vorto — *naturismo.*

Konscio pri la homa malforteco, pri trofrueco de l' rigidaj sistemoj, konstato de novaj nekonataj aŭ nestuditaj naturaj fenomenoj, pia admiro pri la senlima naturo palpebla kaj naturo nevidebla, aspiro al naturaj metodoj, al natura vivo, al natura mondo, jen estas la enhavo de l' vorto naturismo, per kiu ni, almenaŭ provizore, povas karakterizi nuntempan sciencan kaj la spiritan Renesancon.

Ĉu estis nura hazardo, ke dum *Crookes* studis la fantomojn, *Edison* eltrovis fonografon; dum *Zédé* elprovadis submarulon, Aksenov iniciatis principon de relativo; dum oni konstruis senfadenan telegrafon, oni fotografis substancon de l' animo! Ĉu ankaŭ estis hazardo, ke unuaj birdohomoj *Wright, Blériot,*

*Farman* ekflugis venke en la aerospaco, transformante sian dudimensian agadebenon en la tridimensian sferon, ĝuste kiam la geometriaj ideoj pri la kvara dimensio profunde impresis la kleran mondon!

Falas antaŭjuĝoj, unu post la alia; homaro forĵetas okulvitrojn de l' skolastiko kiu etigis ĝian horizonton; homaro kun la miro kvazaŭ ree trovas la naturan mondon, kaj ĝin admiras senfinan, belan kaj vivodonan . . . La nuna Renesanco trapenetras ĉien kaj forblovas anemion de l' hieraŭa scienco, por antaŭprepari vojon al la morgaŭa harmonia mondovivo.

---

## Vivo de japanaj artistoj en Paris.

Montparnasse estas en Parizo loko, kie oni speciale multe parolas pri pentrarto kaj desegnado: oni parolas pri ili ĉiulingve, krom, eble, france.

La kafejo kien mi eniris ankaŭ estas galerio da bildoj.

Sur la teraso tri ĝentiluloj, lastmode vestitaj per blua kompleto, hela pluŝa ĉapo kaj rondaj okulvitroj trinkas en kompanio de kreola fraŭlino. Tio estis japanaj artistoj.

Ili amuziĝis senfine, senĉese ridis kaj pepis.

Kiam mi proksimiĝis, ili leviĝis kaj kurbante la genuojn riverencis min laŭmaniere de niaj iamaj pensionulinoj. Mi ekparolis pri pentrarto. Ili elmontris sensimilan ĝojon. Estis ĉio, kion mi povis ricevi de ili, la francan ili ne komprenis.

En tiu momento juna virino, talenta pentristo, eksidis apud ni, etendinte la manon al unu el japanoj.

— Mi eksciis, ŝi diris, ke via frato mortis.

Li leviĝis, profunde salutis; kaj ekridis, per rido samtempe sonora kaj pinta, kvazaŭ birda kanto . . .

. . . Tiu ĉi franca artistino bonege konas la kolonion de japanaj artistoj. Dank' al ŝiaj klopodoj mi povis atingi M. Koyanagui. Spite tio, ke li laboras en Francujo, li ĵaluze konservas sian japanan personecon. Li estas bestpentristo, treege alloga. Per kelkaj precizaj kaj vivaj linioj li desegnas bestojn videblajn sur la ekranoj de lia lando.

Mi diris al M. Koyanagui:

— Viaj samlandanoj, venintaj ĉi tien por studi la metion de pentrarto kaj desegni, estas multenombraj, mi pensas . . .

— Cent kvindek, almenaŭ.

— Vera kolonio! Jen, ĝuste, kio estigas mian scivolemon. Japana arto estas tre malnova arto. Ĝi posedas kaligrafian precizecon. Kaj ĝi superas ĉion, kion la okcidentuloj efektivigis. Kion do viaj artistoj venas serĉi en Francujo?

— Certe, respondis la artisto, la arto de mia lando de nun ne plu kapablas superi sian propran perfektecon. Sed ĉiu raso degeneras, se ĝi ne klopodas renovigi sian sangon. Precipe arto, por ne dekadenci, same kiel revolucio, neniam devas esti finita. Vi eŭropanoj, vi vizitas Afrikon studi negrojn. Ne pro tio, ke la negroj superas vin, sed vi ĉerpos ĉe ili ideojn, kiujn vi neniam havis. Jen kion ni venas serĉi en Parizo.

La franca artistino lin interrompis:

— Vi eble; sed ne la aliaj! —

— Kaj kion faras la aliaj? — mi demandis.

— Unue, ŝi respondis, ili amuziĝas. Multaj el ili estas riĉaj. La plej malriĉa el ili disponas triaŭ kvarcent jenojn monate. Laŭ nuna takso tio faras sumegon.

„Ili ŝategas Montmartre; kun ĉiu virinoj ili estas ĉarme ĝentilaj. Cetere ili havas grandan kvaliton: ili tute ne estas avaraj . . . . Koncerne la laboron la afero estas alia. Sed ili ne bezonas penadi. Sen studado, je la unua provo, ili faros al vi Renon aŭ Picasso: ĉar ili havas okulojn esploremajn, manojn miraklemajn. Ili kapablas imiti ĉion, kion ili volas, ili estas mirindaj kopiistoj.

. . . Iliaj moroj? Ili ŝatas vivi kune. Vi vidas ilin marŝeti en la stratoj je kelkaj paŝoj unu de la alia. Kiam vi ekvidis unu vi povas esti certa, ke la tuta karavano tuj sinsekve pretermarŝos antaŭ vi.

Estas la dua postnoktmeze. Ili ekvidis lumon tra la fenestro de unu el ili. Tiam ili eksonas ĉeporde, kaj jen la tuta kolonio amasigita en la laborejo de samprofesiano. La artisto daŭrigas sian laboron. La aliaj silentas.

La kubutoj surtable, la mentono enmane, ili aspektas dormantaj. Ili ne dormas. Ilia delikata rigardo filtras tra mallevitaj palpebroj. Nenian geston de l' artisto ili perdas.

Kaj morgaŭ ĉe si ili pentros la saman tolon, tute la saman . . .

Tiamaniere ili sin intervizitas konstante. La plej granda deziro estas havi laborejon, meblojn, sian hejmon por akcepti samlandanojn.

Multaj el ili okupiĝas pri sia kuirado. Ĝi ne estas komplika. Rizo sufiĉas al ĉio, kio anstataŭas panon. Sed nenion ili manĝus sen aldonata saŭco, kiun ili nomas „ŝoju". Ili ĝin aĉetas en boteloj. Ĝi estas el oleecaj fazeoloj. Kaj ĉiuj spicoj de la tero en ĝi estas amasigitaj: ĝi bruligas treege agrable la palaton.

La preferinda manĝaĵo ilia estas kokido, tranĉita je etaj pecoj, bolita kvaronhoron en akvo kaj superverŝita de saŭco „ŝoju". Tiel ili unuiĝas por sin regali per ĝi. Poste, dum horoj, ili rakontas, akompanante per etaj gestoj, pikantajn historiojn,

historiojn de Montmartre, spicigitajn, ŝajnas kiel la saŭco „ŝoju“.

La reston da tempo ili vizitas ekspoziciojn por vidi la pentraĵojn de okcidentuloj. Kiam ili estos ellernintaj ilin „per siaj okuloj“, ili revenos en sian landon kaj tiam ili estos kapablaj imiti ĉiujn niajn modernajn pentristojn. Kaj ili estos gratulitaj, festigitaj kaj medalitaj.

Kaj Japanujo konsideros ilin kiel bonajn japanojn, ĉar ili estos iĝintaj veraj eŭropanoj.“

* * *

Ekzistas tamen en Parizo homo, kiu pie konservis la tradicion de l' Oriento. Mi volis konatiĝi kun tiu iama japano.

. . . Nova domo en kvartalo Passy. La salono plenplena je toloj kaj kartonoj. Sur kameno ĉarma pentraĵo: nuda virino kun grasegaj formoj. Ŝi havas harojn de pajla koloro, la manojn kunligitajn. Ŝi estas blanka sur blanka fono tiel glata kaj brilanta kiel porcelano. Preciza kaj delikata trajto ĉirkaŭbaras la formojn, kaj la bela kreaĵo vin rigardas per grandaj nigraj okuloj kiujn ankoraŭ ombras la paleco de emajlo. Meze en la ĉambro la malalta tablo subtenas multajn aĵojn: cizon, krajonon, kesteton da alumedoj, pipon, mi volis, por ekfumi, ĝin preni, miaj fingroj ektuŝis glatan surfacon, kaj mi eksciis, ke tiuj aĵoj estis pentritaj sur la tableto el blanka ligno.

Tia estas la lerteco de M. Fuĵita, unu el la plej eminentaj pentristoj en Parizo.

Li estas nia gasto depost pli ol dekkvin jaroj. Komence li kopiadis en Louvre „La Primitivajn“, analizis kun granda zorgo la francajn pentristojn de XVIII-a jarcento, gustumis la elegantan manierismon, kiu tiel bone konvenis al lia delikatemo de Ekstrema Oriento. Poste li vojaĝis, vizitis Flandron, kaj fine ekloĝis en Parizo, kie li riĉiĝis.

M. Fuĵita, vestita per robo larĝmanika, blukolora, ruĝe brodita, aliras per etaj paŝoj kvazaŭ musmé (japana knabineto). Nigraj haroj malsupren falas sur la frunto ĝis la brovoj. Kaj la brakojn li premas kontraŭ la koksoj, kvazaŭ frostotime.

La respondo de pentristo el Montmartre tute ne kontentigis min. Antaŭ Fuĵita mi ripetis:

— Kiel tiuj grandaj artistoj, la japanoj, lernas ĉe ni ion utilan? Ĉu ili ne estas pli fortaj ol ni?

Longa silento sekvis. M. Fuĵita pripensadis. Fine li elparolis tiujn precizajn vortojn:

— Ĝi tute ne estas demando de metio aŭ de scienco. Sed Japanujo ne plu volas esti azia.

Kaj li ekridis malgaje.

— Ni estas nun pli eŭropanoj, ol viaj samlandanoj, pli amerikanoj ol la Yankees.

„Vi vizitu Tokion, kiu estis detruita de tertremo. Anstataŭ la malnovaj lignaj domoj oni elkonstruis gratĉielaĵojn. La butikoj havas ekspozici-fenestrojn, elhakitajn laŭkubiste kaj interne futuristajn freskojn.

„En la loĝejoj la ĉambroj por vizitantoj estas meblitaj eŭrope: mi konfesas, ke tio estas pli konvena: la vizitantoj ne plu bezonas demeti la ŝuojn . . .

Depost kelka tempo la nobelgustaj virinoj tranĉas al si la harojn, eĉ la publikulinoj (gejŝoj).

Tiam estis necese, ke niaj pentristoj pentru laŭ modo eŭropa.

Jen kial dum la milito la Imperia Lernejo de Artoj en Tokio sendis ĉiujare en Parizon tri lernantojn.

Komence de nia metamorfozo ni adoradis viajn fajrestingistojn. Ni kopiadis M. Cormon kun certa pasiego. Poste sekvis viaj impresionistoj: en Japanujo oni faris belegajn Sisley, admirindajn Pissaro, poste Cezanne, Renoir kaj eĉ Rousseau. Fine ni donis kubismon Picasso, Leger, kiuj atingis en Tokio respektindajn prezojn.“

Dume li parolis, M. Fuĵita kurbigas sur sia fingro penikon pli delikatan kaj pli pintan ol kudrilo.

— Por mi, mi konservis tiun-ĉi ilon de malnovaj japanaj artistoj. Per ĝi oni desegnas ekzaktajn liniojn, oni „skribas kun precizeco vizaĝojn kaj florojn.“

„Neniam mi imitos viajn artistojn. Industrio, komerco povas esti internaciaj. Sed arto estas pura spirito. Animo ne estas ŝanĝebla kiel vestaĵo, kaj oni devas pentri laŭ sia animo.

Se niaj artistoj detale imitas la viajn — tio faras honoron nur al ilia manlerteco. Danĝera, pereiga manlerteco; de nun ne plu ekzistas arto japana!

Kaj mi, desegnanta laŭ modelo de miaj antaŭuloj, neniam revenos en mian landon; oni tute ne rekonus min; povus esti, ke oni mokus min!“

. . . M. Fuĵita daŭre ridetas malgaje.

El „Quotidien“ tradukis *N. Umanski.*

---

*Kiam du homoj disputas, ili ambaŭ malpravas.*
Ĉina proverbo

*

*Amo kaj intelekto estas du flankoj laŭ kiuj ni povas kontempli la Dion.*
Tolstoi

*

*Oni devas ami nur Dion kaj malami nur sin mem.*
Pascal

*

*Vero kaj bono estas nedivideblaj.*
Tolstoi

*

*Ni tiom kutimiĝis ŝajnigi antaŭ la aliaj, ke ni afektas antaŭ ni mem.*
Larochefoucauld

*

*Saĝeco de l' arto kaj saĝeco de l' scienco — ambaŭ konsistas en la senprofitema servado por la homoj.*
John Ruskin

*

*Perfekteco estas normo de ĉielo. Deziro al la perfekteco estas normo de homo.*
Goethe




# Eduka paĝo de l' Instituto J.-J. Rousseau

## Internacia Oficejo de Edukado

**(Bureau International d'Education)**

La Instituto J. J. Rousseau ĵus malfermis, kun la morala apogo de l' Svisa Asocio por la Ligo de Nacioj kaj de Iniciata Komitato, Internacian Oficejon de Edukado. (Direktoro: *Pierre Bovet*, profesoro en la Universitato de Ĝenevo. Helpaj direktoroj: *Elisabeth Rotten*, doktorino en filozofio, kaj *Adolphe Ferrière*, fondinto en 1899 de la Internacia Oficejo de Novaj Lernejoj.)

Depost kelkaj jaroj tre multaj asocioj sugestas la kreon de Internacia Oficejo de Edukado kiu laborus en la spirito de la Ligo de Nacioj. Por havigi la servojn, kiujn oni atendas de ĝi, la I. O. E. (B. I. E.) devas disponi je granda sendependeco kaj resti ekster la politikaj tendencoj, partiaj influoj kaj religiaj demandoj. Estas ankaŭ necese, ke scienca kaj objektiva dokumentado servu kiel bazo por ĝiaj laboroj kaj ilin imponigu al la ĉies atento. La Instituto J.-J. Rousseau, fondita 1912, kiu posedas multajn internaciajn rilatojn kaj havas la konfidon en tre malsamaj pedagogiaj medioj, kaj kiu — de la komenco — donis al si la taskon esti centro de serĉadoj kaj informoj, ĝi ŝajnis aparte taŭga por organizi la I. O. E.

La I. O. E. havas celon disvolvi la internaciajn rilatojn en la pedagogia sfero, starigante ligadon inter la edukistoj de ĉiuj landoj, kaj tiel kontribui al la ĝenerala progreso de l' edukado. Por atingi tiun celon, la I. O. E. starigos la rilatojn kun la sekretariejo de la Ligo de Nacioj, la Internacia Instituto de Intelekta Kooperado, la Internacia Labor-Oficejo, la ministrejoj de l' popola instruado, fine kun la naciaj kaj internaciaj asocioj kiuj interesiĝas pri la edukado.

La agado de la I. O. E. estos trispeca:

1. *Informado.* — La I. O. E. devos centraligi la dokumentadon rilatantan al la edukado publika kaj privata, de l' infanaro kaj precipe de l' junularo; al la pedagogia psikologio kaj al la profesia orientado. Ĝiaj rimedoj de informado estos la sciigoj kaj dokumentoj liveritaj de aliaj edukaj centroj; la artikoloj aperintaj en la gazetaro, la persona korespondado, la interveno de kompetentuloj, personaj enketoj faritaj de ĝiaj agentoj.

2. *Sciencaj esploroj.* — Prenante sur sin mem la iniciaton de enketoj eksperimentaj aŭ statistikaj, la I. O. E. intencas kontribui al la solvo de problemoj tuŝantaj la psikologion de l' infano, la pedagogion, la metodojn de l' ekzamenado (ekzemple en la profesia orientiĝo) ktp. Kiam la faktoj science kontrolitaj estos pruvintaj la bontaŭgecon aŭ la maloportunecon de iu eduka metodo, ĝi povos prezenti tiujn faktojn al la atento de edukistoj.

3. *Kunordigo.* — La I. O. E. nature servos kiel centro de kunordigado inter la institucioj aŭ societoj kiuj sin okupas pri la samaj demandoj, aŭ kiuj laboras en najbaraj fakoj. Ĝi helpos kaj organizos la stud-vojaĝojn por instruistoj kaj profesoroj.

La I. O. E. laboros en spirito severe scienca. Ĝi ne agos senpere sur la junularon, ĝi limigos sin esti centro kaj inspiranto por la edukistoj de ĉiuj landoj. Kaj tio — ne por atingi ian ĝeneralan unuecigon de l' edukado, sed kontraŭe por helpi al la libera disfloriĝo de ĉiuj apartaj naciaj spiritoj. Malgraŭ sia nomo ĝi ne volas esti oficejo alie ol tiom kiom ĝi necesas por ĉiu kunordigita agado; ĝi deziras, ke sia agado restu fleksebla, adaptebla al la variaj bezonoj de l' momento kaj de la loko.

La I. O. E. komencas modeste, kaj ĝi disvolviĝos iom-post-iom, kiom permesos ĝiaj propraj rimedoj. La realigo de la vasta projekto, kiun ni ĵus al vi prezentis, estos ebla nur kun la aktiva helpado de ĉiuj kiujn interesas la edukado.

Ĉe *ministrejoj de l' popola instruado*, ĉe la lernejaj estraroj ni petos havigi al ni la dokumentaron rilatantan al iliaj lernejoj (speciale en kazoj kiam temas pri la *reformoj* projektataj aŭ ĵus realigitaj).

Ni petas *al la profesiaj asocioj de la instruistoj* kaj de profesoroj, al ĉiuj organizaĵoj kiuj interesiĝas pri la edukado, ke ili interrilatu kun ni, informu nin pri sia agado, helpu nin trovi en iliaj landoj la informojn kaj bonvolajn korespondantojn.

*Al la redaktoroj de pedagogiaj revuoj, al la aŭtoroj kaj eldonistoj de verkoj pedagogiaj kaj psikologiaj* ni turnas nin kun peto senpage sendi al ni iliajn publikaĵojn, por ke ni povu havigi la informojn pri tiuj temoj.

*Ĉiujn* ni petas helpi al ni por trovi la rimedojn necesajn al nia laboro, havigante la subvenciojn kaj donacojn.

Kion ni povos interŝanĝe doni? La respondojn al la demandoj kiujn ni ricevos; informojn bibliografiajn kaj alispecajn; la rezultaĵojn de niaj enketoj; la eldonaĵojn de la oficejo, tuj kiam ni povos ilin aperigi; nian iniciativon kaj nian helpon por organizi la kongresojn. La agado de I. O. E. dependos de la eĥoj kiujn renkontos nia alvoko, de l' apogo kaj de la monhelpoj kiuj estos al ĝi konsentitaj.

En la tuta mondo ĉiuj nun akordiĝas en la penso, ke nur ia nova mentaleco, larĝe humana, povas permesi la pacan solvon de l' angoraj problemoj, kiuj stariĝas de ĉiuj flankoj, kaj ke por formi tiun mentalecon ne ekzistas alia potenco ol la edukado. *Al la edukistoj de ĉiuj nacioj nun apartenas ebleco krei en la junularo atmosferon de bona volo, de konfido kaj de frateco, la solaj garantioj de forto kaj de daŭremo por la Ligo de Nacioj. Ni vin kore invitas helpi al tio, alportante al la I. O. E. la kunlaboron, kiun ĝi bezonas por sia tasko de paco kaj de vero.*

*

*Kroniko.* — La instituto finis vintran semestron kun 50 regulaj lernantoj el 16 landoj. Ĉiuj laboras kun fervoro, kaj estas kontentaj trovi vivan medion kie la laborzorgoj ne malhelpas la gajecon nek la distraĵojn. Krom la laŭprogramaj kursoj la lernantoj havis avantaĝon aŭdi konferencojn de S-ro *Duvillard* — la verko de la Ruĝa Kruco Junulara; de S-ino *Boschetti-Alberti* — la libera kompozicio ĉe la Muzzana lernejo en Tiĉino; de F-ino *E. Rotten* — la neceso de internacia laboro en la eduka sfero, la pedagogia movado en Germanio; de S-ino *Boomer-Page* — nuna pedagogia penado en Usono; de S-ro *Overstreet* — la pacemaj tendencoj de usona edukado; de S-ro *Masriera* el Madrid — la instruo de desegno. Nova rimedo de disvastigo de niaj ideoj estas en nia dispono depost la oktobro. Ĉiudusemajne, la ĵaŭdon je la 21 h. (mezeŭropa) ni disaŭdigas per senfadena telefono pedagogian paroladeton. Oni jam disaŭdigis:

S-ro *Hochstaetter:* Infano ne estas kobajo.
S-ro *Claparède:* Psikologio kaj edukado.
S-ro *Bovet:* Mensogoj de infanoj.
S-ro *Ferrière:* La diablo kaj la lernejo.
F-ino *Descoeudres:* Ni danku la nenormalajn infanojn.

Noto: Ni estos feliĉaj koni rimarkojn de niaj aŭdintoj pri tiuj radiofonaj paroladetoj. — *Radio-Genève*, ondolongo 760.

Ni daŭre akceptas multenombrajn vizitantojn. Ni citu nur la grupajn vizitojn: granda aro da grekaj instruistoj, grupo da hungaraj studentoj, grupo da studentoj el la normala lernejo de Bonneville (Haute Savoie). Tiel ligiĝas la fruktodonaj intelektulaj rilatoj.

La ĝenerala kunveno de la *Asocio de l' Instituto Rousseau* okazis la 28 novembro sub la prezido de S-ro *G. Thélin*. Tie ĉeestis ankaŭ S-ro *A. Oltramare*, la ĉefo de la instruada fako kaj ŝtata konsilanto, S-ro *G. Werner*, la rektoro de l' Universitato. Ili bonvolis alporti al la Instituto tre valorajn kuraĝigojn. Post la kunveno oni aŭdis paroladeton de F-ino *Berney*, lerneja direktorino, pri la Decroly-lernejoj en Belgio.

La Instituto ricevis la apogon de unu tre grava usona institucio, *The Laura Spelman Rockfeller Memorial*, kiu havigis al ĝi monhelpon kaj, krome, invitis S-ron *P. Bovet* veni al Usono por tie fari studvojaĝon. Do, nun la Instituto estas provizore sen sia ĉefo, kiu tamen nepre revenos kun riĉa rikolto da dokumentoj pri la usonaj psikologio kaj pedagogio. Fine, oni starigis la bazojn de unu nova organizaĵo kun internacia karaktero, pri kiu nun estas ankoraŭ frue paroli, sed pri kiu la legantoj de „Esperanto" estos informataj de la proksima numero.

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

# Bonvenon en Locarno!

Lazure brilas la Lago Maggiore. Majeste salutas la proksima neĝmontaro. Mirinda ĉirkaŭo gajigas la koron. En multvaria floraro sub ombraj palmoj paradize kuŝas Locarno.

Kaj floradas la naturo. Flora bonodoro plenigis la aeron. Feliĉigas la homojn, kiuj enpaŝas tiun benatan sudlandon superbelan.



Ĉi tien venis la grandaj diplomatoj por finigi la periodon de l' politiko, detruanta la mondon.

La spirito de Locarno — nova sento — spirito de l' paco.

Kaj la serena atmosfero de la urbo simboligas la tendencon de l' venonta tempo.

Paco super ĉio por la progreso de l' homaro! Sed nur komenco estas. Ankoraŭ ne estas finita la templo de l' interkompreno. Perfekta ĝi estos nur, kiam la spirito enpenetris en ĉies koron. Ankoraŭ granda estas la malhelpo ĝis fine venkos tiu spirito.

La esperantistoj alportas gravan helpilon al la mondo: la lingvon internacian. Elpensaĵo de geniulo. Post brila evoluo ĝi iom post iom konkeras la terglobon. Marŝas mano en mano kun la repaciĝo de l' mondo; ĉar la paco dependas multparte de l' reciproka interkompreno.

Bonvenon! Sukceson ni deziras al via komuna, konkorda agado.

Kaj kiel ajn vi uzas Esperanton, akceptu nur iom de la nova sento de l' sudlanda paradizo, de l' spirito de Locarno — la potenco de nova tempo. Tiam la fundamento de l' paco restos firma kaj Eŭropo ne pereos.

*R. Kreuz.*

# Labora Konferenco
## 3-6 Aprilo 1926



### Preparo.

La gesamideanoj de Locarno kun multa fervoro kaj entuziasmo inde preparis nian tre gravan paskan labor-konferencon. Dank' al la senlaca kaj lerta klopodado de nia samideano direktoro Carlo Gilà, vicprezidanto de la Komerca Ĉambro de l' Tiĉino, ankaŭ la aŭtoritatoj de Locarno samkiel tiuj de l' respubliko de Tiĉino bonvolis interesiĝi pri nia laboro kaj havigi al ni ĉiujn eblajn helpojn kaj faciligojn por bona aranĝo de nia konferenco.

La 1 Aprilo alvenis la ĝen. sekretario de I. C. K. por helpi al la finpreparado de l' konferenco. Saman tagon ankaŭ alvenis de longa propaganda vojaĝo S-ro A. Ĉe, sekretario de I. C. K.

*

### Alveno de la delegitoj.

La 2 Aprilo de ĉiuj hoteloj kaj pensionoj loĝigantaj esperantistojn salutis la esperanta flago. Ankaŭ ĉe la enŝipigejo ĉe la lago, antaŭ la „stabejo" Hotel Regina, granda flago flirtis, atentigante la vojaĝantojn pri nia konferenco. Saman tagon alvenis D-ro Privat kaj S-ro Hans Jakob, direktoro de UEA, krome kelkaj delegitoj. La plimulto tamen alvenis la 3 Aprilo ĝis tagmezo. Ĉiufoje aro da samideanoj aŭ atendis sur la perono de l' stacidomo aŭ apud la finstacio de la elektra tramo. Neniam mankis la ĉefa aranĝinto S-ro Gilà, kiu bicikle interkomunikiĝis rapide kun la diversaj lokoj de nia konferenco. Lin helpis afable S-ro Pedrazzini. Kvankam la loĝigo kaŭzis grandegajn malhelpojn dum tiu sezono, kontentiga solvo ĉiam estis trovata.

Je Sankta Vendredo (2 Aprilo) okazis granda iluminado de la urbo kaj de l' lagbordo, kiu ripetiĝis ĉiuvespere dum la daŭro de nia konferenco.

*

### Malfermo.

Sabaton, la 3 Aprilo, je la 17 h., la delegitoj kolektiĝis en la fama salono de l' Pac-Konferenco en la impona Palaco de Justeco.

La delegitoj sidis laŭ alfabeta vico de sia nacio.

D-ro Privat, prezidanto de I. C. K., per kelkaj paroloj malfermis la kunsidon. Poste Adv. D-ro Rusca, urbestro kaj reprezentanto de la urbo Locarno, en itala lingvo bonvenigis la ĉeestantojn. Li aludis pri la konferenco de Locarno kaj al la el ĝi rezultinta „spirito de Locarno" kaj esprimis sian ĝojon, ke nia movado disvastigas helpilon tiom gravan por la pacigo de l' mondo.

Post li D-ro Privat en konata, elokventa maniero salutis la urbestron kaj la aŭtoritatojn. Li komparis la konferencon de la diplomatoj kun la nia kiel tia de l' popolo. Li korege dankis al la diversaj aŭtoritatoj pro la subteno kaj favorigo de niaj laboroj; fine li bonvenigis la delegitojn-samideanojn kaj esprimis la esperon, ke same kiel en la politiko ankaŭ en nia organizo la konferenco de Locarno signu la komenciĝon de nova epoko. (Granda aplaŭdo.)

Lian paroladon majstre kaj flamante tradukis D-ro Stromboli en italan lingvon. Montrante la neŭtralecon de nia lingvo, li pruvis, ke Esperanto ne servas al unu nacio, sed egalrajte al ĉiuj.

Tiun solenan komencon sekvis alparoloj de S-ro Ĉe por la „malgrandaj nacioj", de S-ro Niŝimura por la japanaj samideanoj, S-roj Hromada, Scholze (Ĉeĥoslovakio), S-ro Dubois (Francujo), S-ro Ellersiek (Germanujo), S-ro Morariu (Rumanujo), S-roj Steiner (Aŭstrio), Rotkvić (Sudslavio), Schoofs (Belgujo) kaj Balkányi (Hungarujo).

Ĉiuj parolintoj montris sian entuziasmon por la spirito de Locarno. Kelkaj el ili sagace akcentis, ke jam longe antaŭ ol la diplomatoj trovis fine la vojon de interpacigo de l' Ŝtatoj, la esperantistoj solvis la problemon interpopole en siaj kongresoj postmilitaj.

La ministro de l' publika instruado de l' Tiĉino, S-ro Cattori telegrafe bonvenigis la konferencon, esprimante la bedaŭron, ke li pro foresto ne povos sekvi la inviton al ĉeesto.

La kunvenintoj estis fotografataj dum la kunsido en la historia salono.

La kunsido estis fermata je 18.30 h.

*

### Kunsido de C. K.

Dimanĉon matene (4 Aprilo), je la 10 h. okazis en Hotel Regina kunsido de I. C. K. kun ampleksa programo.

Vespere je 20.30 h. I. C. K. denove kunvenis por diskuti ĝis la noktomezo.

---

### Raporto pri la komunaj kunsidoj de K. R., UEA kaj C. K. en Locarno.

**1-a kunsido, 5-an de Aprilo, je 9.30 h. en Palaco de Justeco. Prezidas D-ro Privat.**

*

**Alparolo de D-ro Privat.** Per kelkaj vortoj la prezidanto resumas la nunajn organizon kaj staton de nia movado, la kialon de la kunveno en Locarno. Li atentigas pri la necesaj disciplino, prudento kaj singardemo en nia agado. Li skizas la estontajn klopodojn kaj teknikajn konferencojn. C. K. intencas pretigi konsilarojn pri specialaj temoj.

D-ro Privat ankaŭ memorigas pri la bonega propagando de S-ro Ĉe kaj varme dankas nian apostolon, kiu baldaŭ daŭrigos sian mision.

**Alparolo de S-ro Kreuz.** La ĝenerala sekretario donas informojn pri apartaj punktoj de sia raporto multobligita kaj disdonita; ĉi tiu servos kiel bazo por la diskutado. Li plendas pri malfacilaĵoj estigitaj de respondantoj tro ofte malakurataj; li klarigas tion, kio estis farita por reaperigi la antaŭajn Ĉelec-ajn ŝlosilojn kompletigitajn per komerca terminaro, kaj eldoni novajn, precipe por orientaj lingvoj. Li ankaŭ rapide traktas pri sekretarieja laboro, pri transmara propagando ktp.

**Diskutado.** Multaj punktoj de la alfabete ordigita raporto ne okazigas diskuton sed simple diversajn rimarkojn aŭ raportojn, ili ĉi tie estos flanklasataj. Aliaj punktoj konfidencaj kontraŭe estas pli detale priparolataj.

**Ekspozicioj.** D-ro *Privat* klarigas kiel oni povis interesi multajn pri Esperanto ĉe la Radio-ekspozicio en Genève.

S-ro *Jakob* anoncas, ke UEA pretigos materialon: kolektojn de lernolibroj, reklamiloj, gravaj libroj, grafikaj tabeloj, fotografaĵoj, gazetekzempleroj, geografiaj kartoj, sendotajn al organizantoj de ekspozicioj.

La delegitoj aprobas tiun projekton. Multaj el ili esprimas sian opinion pri prunto aŭ vendo de l' materialo, pri ĝia kolektado, pri specialaj efikaj tabeloj por komercistoj. Ili ankaŭ montras la manieron partopreni per esperanta fako aŭ per kolektada helpo ĉe alicelaj ekspozicioj, ekzemple pri radio, pri blinduloj k. c.

S-ro *Kreuz* diras, ke oni ne sufiĉe informas C. K. pri ekspozicioj aŭ kongresoj, kie ĝi povus utile agi pere de nacia societo.

**Fabrikmarkoj.** S-ro *Kreuz* ankaŭ ree invitas al kolekto kaj sendo de esperantaj nomoj uzataj kiel komercaj markoj.

**Foiroj.** S-ro *Ĉe* montras la gravecon propagandan de l' foiraj preşaĵoj en Esperanto.

D-ro *Dietterle* diras, ke la foira laboro estas la plej bona peresperanta propagando.

**Elekto al C. K.** Ĉe la fino de l' kunveno D-ro *Privat* montras, kiel devas esti elektataj per K. R. kaj UEA du anoj de C. K. Vakantaj estas la posteno de S-ro Page kaj tiu de D-ro Privat, ĉar li, kiel plej juna kaj plej malnova, volas esti la eliĝanta ano laŭstatute.

* * *

**2-a kunsido, 5-an de Aprilo, je la 2-a posttagmeze samloke. Prezidas D-ro Dietterle.**

*

**Elekto al C. K.** Estas nur du proponitaj kandidatoj, ĉar S-ro Page rifuzas reelekton, D-roj Privat kaj Stromboli forestantaj el la salono. Oni decidas tamen voĉdoni skribe.

13 societoj, aŭstria, belga, ĉeĥoslovaka, ĉeĥoslovaka-germanlingva, dana, Danziga, franca, germana, kataluna, hungara, pola, sveda, svisa, rajtas voĉdoni; UEA ricevas ankaŭ 13 voĉdonilojn.



*Malferma kunsido en la salono, kie estis subskribita la pakto de Locarno.*

D-ro *Privat* deziras scii, ĉu la foiraj estraroj liverus sian esperantan komercan adresaron kaj la nombron de l' esperantaj korespondaĵoj. S-roj D-ro *Dietterle* kaj *Kreuz* respondas, ke negocaj principoj tion malpermesas. Ĉe Internacia Labor-Oficejo Esperanto okupas la kvinan rangon de l' uzataj lingvoj, en foiroj de Frankfurt, Leipzig, Reichenberg la kvaran.

D-ro *Stromboli* laŭdas la laboron kaj la afiŝojn de Leipzig, kiuj estas modeloj imitindaj.

**Informservo.** Tiu nova servo de C. K. ricevas ĉies laŭdon. Vigla diskuto okazas pri ebla abono al tiu informaro, pri evitota konkurenco inter naciaj kaj internacia gazetservoj, pri ebleco sendi la informaron rekte al ĵurnaloj aŭ institucioj, pri la avantaĝoj de presitaj aŭ multobligitaj cirkuleroj, pri la bona rezulto de personaj leteroj aŭ vizitoj.

Ĝenerale la delegitoj opinias, ke naciaj societoj povas pagi ekzemple 5 sv. fr. por abonigi iujn ĵurnalojn kaj oficejojn; ke en landoj, kie ne ekzistas gazetservo, la internacia informa bulteno povas ĝin anstataŭi; sed ke, kie nacia ekzistas, la internacia nur estas ties helpilo; ke naciaj societoj devas esti informataj, se senpera abono estas akceptata de C. K.

S-ro *Jakob* nome de la komisiono de UEA deklaras, ke spertado montris tute taŭga la prezidon de UEA kaj C. K. per sama persono, ĉar ĝi evitas konfliktojn, ĉefe dank' al senpartieco kaj malofta kapabloj de D-ro Privat.

S-roj Dubois kaj Scholze funkcias kiel kvestoroj. D-ro Privat estas elektata per 26 voĉoj, D-ro Stromboli per 25.

S-ro *Dubois* deziras protokoligi, ke, ĉar Pola Societo ne antaŭe konis la kandidatecon de D-ro Stromboli, tial ĝia reprezentanto preferis deteni sin.

D-roj Privat kaj Stromboli forestintaj dum la elekto reenvenas. D-ro Dietterle anoncas la rezulton kaj gratulas la elektitojn. La ĉeestantaj anoj de C. K. tuj renomigas D-ron Privat kiel prezidanto.

Li reprenas la prezidon, dankas pro la fido al li montrata kaj ĝojas pro la elekto de D-ro Stromboli, kiu inde reprezentos grandan nacion.

D-ro *Stromboli* ankaŭ dankas nome de la italaj esperantistoj kaj promesas uzi tutajn siajn spertecon kaj energion en sia ofico.

**Internaciaj asocioj.** D-ro *Privat* konigas la rilatojn inter esperantaj kaj aliaj internaciaj asocioj.

**Ekzamenoj.** Oni sendu al C. K. ĉiujn statutojn kaj programojn de esperantaj institutoj kaj ekzamenoj.

S-ro *Steiner* raportas pri ŝtataj priesperantaj ekzamenoj en Aŭstrio.

**Interŝtata agado.** D-ro *Privat* klarigas konfidence diversajn intertraktojn. Pro tio ni bezonas riĉan dokumentaron pri la ĝisnunaj rezultoj.

D-ro *Dietterle* klarigas la nepran necesecon de bona fidinda statistiko, unue pri denombrado de grupoj kaj ekzistantaj esperantistoj, poste pri lernejoj. Ĉefa afero ankaŭ estas, ke ni havu tiucele la helpon de l' laboristaj medioj, kie Esperanto rapide progresas. La statistiko farita por Germanujo estis tre efika.

La konferenco unuanime akceptas, ke C. K. rilatu ankaŭ kun neneŭtralaj asocioj por pure statistikaj celoj.

D-ro *Stromboli* kredas, ke la nombro de venditaj plenaj gramatikoj (50000 en Italio, 1 miliono en Germanujo) rajtas aserti, ke almenaŭ dekono de l' aĉetintoj estas ankaŭ lernintoj.

D-ro *Privat* diras, ke estus facile korekti la solan faritan statistikon, tiun de l' raporto de Ligo de Nacioj.

**Komerca adresaro.** Longa diskuto okazas pri la neceseco de komerca adresaro kaj pri la malfacilaĵoj pro ĝia pretigo.

D-ro *Stromboli* pensas, ke listo de antaŭaj kursanoj kaj de iliaj profesioj povus liveri la materialon. Ĉiu nacia societo devus listigi kaj presigi sian komercan adresaron, ĉu grandan ĉu malgrandan, kaj poste oni povos interŝanĝi kaj kunigi ilin.

D-ro *Dietterle* rekomendas konfidi al kompetentulo la enlistigon de ĉiuj firmoj iam anoncintaj en ĉiuj esperantaj gazetoj kaj poste sin turni rekte al ili por konfirmo.



*Antaŭ la Palaco de Justeco*
Unua vico: S-ro R. Kreuz, D-ro Privat, S-ro Rollet de l'Isle, S-ro Hromada
Dua vico: P-ro Dietterle, S-ro Andreo Ĉe, S-ro Hans Jakob

S-ro *Hromada* diras ke en Ĉeĥoslovakio simpla alvoko havigis 300 komercajn enskribojn.

S-roj *Dubois, Jakob, Schoofs* dubas ĉu ĉiuj komercistoj vere bezonas Esperanton; ili trovis aliajn rimedojn por intertrakti kaj grandparto kontentiĝas je ili.

S-ro *Jakob* pensas ke la elspezo por kolekto kaj publikigo estos tre granda. La UEA adresaro ne povas ankoraŭ plidikiĝi per komerca parto. Malmultaj delegitoj havas komercan profesion.

S-ro *Privat, Hromada, Ellersiek* tamen kredas, ke komercistoj povas utiligi Esperanton kaj per ĝi atingi novajn klientojn; ili citas faktojn kiel pruvon.

S-ro *Balkanyi* proponas represon de komercaj listoj en la naciaj esperantaj gazetoj.

La konferenco decidas ke C. K. per cirkulero konsilos al ĉiuj naciaj societoj de nun kolekti la komercajn adresojn poste kunigotajn en internacia adresaro.

**Kongresoj.** Por kongresoj post la Antverpena oni ricevis invitojn de diversaj urboj. C. K. ekzamenos la eblecojn.

S-ro *Steiner* raportas pri la malagrabla situacio de la Viena Komitato pro la granda deficito de tiu kongreso. UEA malavare donacis 1000 sv. fr. Monkolekto alportis iom sed restas grava ŝuldo, kiu minacas malriĉajn organizintojn kaj endanĝerigas la tutan movadon en Aŭstrio. Helpo estas urĝa.

Diversaj delegitoj faras plendojn kaj kritikojn, parolas pri la neebleco trovi la necesan monon.

S-ro *Jakob* deziras ricevi tre precizajn informojn, nomojn kaj ciferojn pri la tuta afero; nur poste ia solvo estos eble trovebla.

La kunvenantoj pensas, ke malgraŭ certaj mankoj, simpla homeco trudas fari ankoraŭ alvokon al ĉiuj naciaj societoj por instigi anojn al donacoj. Ankaŭ la profito de l' Praha kongreso devus servi en tiu celo.

S-roj *Balkanyi, Morariu* kaj *Stromboli* ankoraŭ parolas pri partopreno de Esperantistoj en venontaj fakaj kongresoj.

**Korespondantoj de I. C. K.** Ili ricevas la bultenon; nombras 36.

**Kronikoj.** C. K. deziras, ke ĉiu nacia societo sendu akurate monatan kronikon; ĉu speciale verkitan, ĉu konsistantan el presprovaĵoj aŭ kopioj de manuskriptoj de l' kronika parto en naciaj gazetoj.

**Laboristoj.** S-ro *Balkanyi* tre interese raportas pri la gravaj progresoj de Esperanto en laboristaj rondoj. Ni havas la devon ĉiel helpi tiun specialan kampon, kiu eble iam savos nian aferon.

**Centra Biblioteko.** Generalo *Sébert* petas ke C. K. nun reprenu ĝian direktadon kaj respondecon en Parizo. Jena decido estis farita:

„La konferenco konfirmas la decidon alprenitan pri tiu temo en Genève, komisias C. K. transpreni la Centran Bibliotekon kun granda danko al Generalo Sébert pro lia longjara laboro kaj malavara subteno, kondiĉe ke la financaj ŝarĝoj estus akcepteblaj rilate la limigitan budĝeton de C. K. S-roj Baudet kaj Rousseau en Parizo estos niaj reprezentantoj por la fina traktado."

Ĉe la fino de l' kunveno la prezidanto legas telegramojn, de S-ro Blicher, prezidanto de la Dana Ligo kun sukcesdeziroj, kaj de S-ro Borsa el Genève pri decido favora al Esperanto alprenita de la kongreso de l' Internacia Junularo kaj kelkajn gratulleterojn de societoj, kiuj ne povis sendi delegiton.

---

## Kunsido de K. R. la 6. IV. 1926 en Locarno.

La kunveno elektas S-ron Schoofs kiel prezidanton kaj S-ron Scholze kiel protokolanton de la kunsido.

S-ro Schoofs proponas ŝanĝon de la tagordo, unuanime akceptita.

La prezidanto legas leterojn senditajn de S-roj Merchant kaj Edmonds.

La prezidanto proponas unue pridiskuti la principojn de la ŝanĝoj en la regularo de K. R. sur bazo de la projekto de l' Societo Franca por la Propagando de Esperanto kaj de Pola Esperanto-Asocio. Ĉiuj konsentas.

Aldono al § 5. La financa jaro de K. R. estas la kalendara jaro.

Aldono al § 7. La prezidanto kaj sekretario-kasisto laboras honorofice kaj estas elekteblaj nur per skriba voĉdono.

Modifo de § 8. La kotizojn, kiujn ĝi enspezis de la naciaj societoj por la kuranta jaro, K. R. pagas post depreno de siaj

administraj elspezoj al la kaso de C. K., kiu ĉiujare publikigas sian agadan kaj financan raporton, akompanatan de la raporto de la kontrolantoj. Ĉiujare K. R. elektas inter siaj anoj, apartenantaj nek al ĝia estraro, nek al C. K., 2 kontrolantojn por kontroli la kontojn de K. R. La samaj personoj sidas kun du kontrolantoj, elektataj de UEA, por kontroli la kontojn de C. K. kaj prezenti raporton al la komuna kunsido. Ili rajtas sin anstataŭigi de la sekretario-kasisto.

Aldono al § 9. La prezidanto devas kunvoki K. R. almenaŭ unufoje ĉiujare kaj ĉiufoje, kiam tiu kunvoko estas postulita de almenaŭ dek naciaj societoj. La tagordo devas esti sendata al la naciaj societoj unu monaton antaŭ la kunsido.

Neniu propono povas esti skribe voĉdonata sen antaŭa pridiskuto en plenkunsido de K. R.

Aldono al § 14, 3-a linio. . . . jara raporto (dezirinde kun budĝeto kaj bilanco) . . .

D-ro *Privat* proponas, ke ni aldonu al § 7 kiel lastan frazon la tekston el projekto Art. 1. S-ro *Steiner* proponas aldonon de la vorto „plie". La aldonota teksto estu: „Plie ĝi povas komisii la C. K. por la plenumo de iu ajn el siaj decidoj."

La diskuton partoprenas Dubois, Steiner, Morariu, Hromada, Ellersiek.

S-ro *Dubois* deziras, ke la kunsido akceptu la francan kaj polan projekton kun la voĉdonitaj aldonoj, S-ro *Steiner* proponas, ke la aldonoj estu envicigataj al la regularo de K. R., akceptita dum la XVII-a Kongreso en Ĝenevo 1925.

La prezidanto voĉdonigas la proponojn.

Por la propono de Dubois estas 971 voĉoj, kontraŭ estas 1956 voĉoj.

S-ro *Dubois* konsentas aldoni la modifojn en la ĝisnuna regularo kaj sin detenas nur, ke oni aldonu la frazon el la art. 1 de la „projekto" al la § 7 de la ĝisnuna regularo.

La kunveno unuanime, krom tri sintenoj, akceptas aldoni la voĉdonitajn ŝanĝojn kaj aldonojn en la ekzistanta regularo.

S-ro *Dubois* konstatas, ke en la „Alvoko al la esperantistaro" de ambaŭ proponantaj societoj estis dirite, ke S-ro Privat ne allasis la diskuton pri pola kaj franca projekto, dum li intertempe konvinkiĝis, ke tia aserto estas erara, ĉar fakte estas S-ro Edmonds kiu influis la nediskuton, sed ke oni eraris en la faktoj.

S-ro D-ro *Privat* deklaras, ke li deziris, ke la kunsido de la 2-a de Aŭgusto voĉdonu pri la proponitaj projektoj. En Ĝenevo oni laboris iomete tro rapide en ĉi tiu afero.

La kunsido konstatis nun la plenan interkonsenton inter la Societo Franca, Pola Esperanto-Asocio kaj la aliaj naciaj societoj.

La dua punkto de la tagordo estas propono elekti por tri jaroj S-rojn Petiau kiel prezidanton kaj S-ron Schoofs kiel sekretarion-kasiston (Belga Esperanto-Ligo). Unuvoĉe la kunsido elektis la proponitan estraron.

---

**3-a kunsido, mardon 6-an de Aprilo je 10.50 h. (post la kunveno de K. R.) en sama loko.**

*

**Ligo de Nacioj.** S-ro *Privat* resumas la tutan historion de poresperantaj klopodoj ĉe Ligo de Nacio; du sukcesoj estis atingitaj: unue la raporto pri instruado de Esperanto, due la akcepto de nia lingvo kiel „klara" en la telegramoj. Nunmomente estas nenio plu farota. La raporto estis la presaĵo plej diverslande mendita.

**Literatura Mondo.** S-ro *Balkanyi* pledas por forigo de la mizera stato de tiu bela kaj bona revuo. Oni devas varme rekomendi ĝin kaj ĝin savi el minacanta pereo.

S-ro *Privat* rediras, ke UEA proponis repreni la eldonon de Literatura Mondo eble iom malpli lukse, kiel aldonon de „Esperanto", kiu forlasus sian literaturan fakon; la redaktado restus plene en la samaj fertaj manoj.

S-roj *Schoofs, Morariu, Hromada* kredas, ke en sia nuna formo Literatura Mondo estas bonega propagandilo.

S-roj *Privat, Jakob, Ellersiek, Ĉe* kaj S-ino *Blicher* opiniante, ke io estas tamen pli bona ol nenio, pensas ke propono de UEA permesus simpligon, ekonomion, kaj samtempe pli ampleksan dislegigon de bona literaturo.

La konferenco akceptas laŭ propono de S-ro Bałkanyi la jenan tekston:

1. la kunveno esprimas la deziron, ke la naciaj societoj pli atentu al nia sola literatura arta revuo, „Literatura Mondo", akirante minimume la abonon de la grupoj kaj penante akiri de la naciaj registaroj aŭ institucioj eldonigi specialan numeron el sia nacia literaturo;

2. la kunveno esprimas la deziron ke Literaturan Mondon — se ĝi ne povus plu aperi en la nuna eldonado — eldonu, laŭ propra propono, UEA kiel aldonon de „Esperanto".

S-roj *Morariu* kaj *Balkanyi* ankoraŭ petas helpon por niaj hungaraj verkistoj, kiuj ne povas eldonigi bonegajn literaturajn manuskriptojn pretajn.

S-ro *Privat* demandas ĉu ne eble estus organizi tra diversaj landoj kaj urboj vojaĝon de iu aŭ kelkaj el tiuj talentuloj por literaturaj, muzikaj, teatraj vesperfestoj lasantaj al ili ian monan profiton.

Peto al naciaj societoj pri tia aranĝo estos sendata cirkulere.

**Mosse-eldonaĵoj.** S-ro *Ellersiek* raportas pri tiu entrepreno, kies sukceson li tre deziras kvankam ĝi eble pereigos lian propran. Certe la firmo Mosse devos unue multon oferi. Ĝi jam aranĝis konstantan rubrikon en Berlina ĉiutaga ĵurnalo; ĝi intencas eldoni telegrafan kodon kun esperanta parto. Pri la „Biblioteko Tutmonda" venis mendoj sed ĉefe el Oriento. La 1-a volumeto baldaŭ aperos. Oni rondirigas presprovaĵon de ĝia kovrilo kaj la liston de l' 24 unuaj verkoj aperontaj po du en monato. La prezo estas tre malalta. Naciaj societoj kaj gazetoj havas devon instigi al abono.

S-roj D-ro *Privat, Ĉe, Schoofs, Jakob* kaj *Balkanyi* pensas, ke registaroj, internaciaj aŭ naciaj oficejoj ankaŭ povos havi intereson pri tiu kolekto, kaj ke de multaj publikaj bibliotekoj oni facile povos postuli abonon, kiel cetere aĉeton de aliaj esperantaj libroj kaj dokumentoj.

Ĉar la firmo Mosse eldonas en sia kolekto prelegojn de la Somera Universitato en Genève, la personoj kiuj donacis monon por ilia eldonigo kompreneble estos rajtaj abonantoj de tiu parto de la kolekto.

**Somera Universitato.** Pro plendo de S-roj *Morariu* kaj *Balkanyi* rilate al programo de la Edinburga Someruniversitato vigla diskuto estiĝas pri la rajto elekti la prelegantojn, pri la garantioj konsiderindaj, pri la egalvaloreco de diversaj diplomoj. Konklude oni decidas jenon:

La konferenco:

1. atentigas pri la neceseco konservi altan sciencan karakteron al la Internacia Somera Universitato en Esperanto;

2. tial decidas, ke la titolo: Internacia Somera Universitato kiel same tiu de Universala Kongreso estas posedaĵo de C. K.;

3. por la estonteco rekomendas al C. K., ke en programo de Somera Universitato, krom en gravaj esceptaj okazoj, estu nur prelegoj de doktoroj, profesoroj, docentoj aŭ titolitoj de universitatoj aŭ de egalvaloraj institucioj.

**Radio.** D-ro *Privat* detale raportas pri la fondo de Radio-Genève kaj montras kiel la interesoj de esperantistaj akciuloj

estis bone konsiderataj. La mono ankoraŭ disponebla garantias nian influon estantan kaj estontan. Estus malutile doni pli esperantan karakteron al tiu entrepreno.

La konferenco plene aprobas la agadon de l' prezidanto de C. K.

S-ro *Balkanyi* konsilas prave, ke ankaŭ neesperantistojn oni varbu por radio-societoj aŭ kiel abonantojn de Radio-Revuo, ĉar tio pruvos, ke tie Esperanto estas ne celo sed nur praktika ilo.

**Rezolucioj.** S-ro *Hromada* bedaŭras, ke oni ne pli bone sekvis la decidon pri aperigo de resumoj en Esperanto en la sciencaj revuoj. S-ro Kamaryt turnis sin tiucele al 16 naciaj societoj kaj nur 3 respondis; sen ĉiunacia kunlaboro la afero ne estos efektivigebla.

Estas decidite, ke la proksima cirkulero de C. K. ree atentigos pri la rezolucio rilata al la internacia scienca kaj teknika gazetaro.

**Tekniko.** S-ro *Ellersiek* memorigas, ke en Paris oni ankaŭ aprobis la eldonon de senpaga teknika gazeto kun anoncoj, proponitan de Germana Teknika Asocio. Bedaŭrinde oni ĝis nun ne ricevis sufiĉe da adresoj por komenci tiun gravan eldonon. Ĉu UEA ne povas liveri taŭgan adresaron?

S-ro Jakob studos la aferon.

C. K. rekomendos en sia cirkulero, ke la naciaj societoj kolektu la deziratajn adresojn de portekniko interesatoj.

**Fino.** S-ro *Steiner* esprimas la dankon de sia kaj de l' aliaj naciaj societoj al C. K. pro ĝia bona gvidado.

D-ro *Privat* koncize resumas la ĵus faritan laboron por faciligi la raportontojn al gazetoj; li dankas la alvenintojn pro ilia oferemo kaj diligenteco; ilia kunlaboro permesis forigi miskomprenojn, klarigis la estontan agadon; li deziras al ĉiuj bonan hejmrevenon.

*(Noto de la Redakcio: Pro speciala peto de C. K. ni devis ellasi la ĉefajn partojn de tiu ĉi protokolo pro konfidenca karaktero de la propagandaj aferoj diskutitaj. Ni ne disfamigu planojn antaŭ realigo.)*

---

## Festaranĝoj kaj ekskursoj.

Sabaton, 3 Aprilo, la konferencanoj sekvis inviton de la direkcio de l' kazino „Kursaal" al balo, honore al la konferenco.

Dimanĉon posttagmeze okazis ekskurso al la mirinda Valo Maggia per elektra tramo, senpage ofertita de la Direkcio de l' Fervojaro Regiona de l' Tiĉino.

Lundon vespere la partoprenantoj kunvenis por festbankedo en Grand-Hôtel Palace, tre afable aranĝita de la urbestraro de Locarno, Muralto, Minusio kaj la Federacio de l' Interesoj Regionaj de l' Tiĉino (Fremdul-Oficejo).

Post la kafo la urbestro de Locarno D-ro Rusca salutis ĉiujn partoprenantojn kaj ĉefe la reprezentantojn de la diversaj aŭtoritatoj. Ĉeestis krom la esperantistoj i. a. Adv. D-ro Baretta, urbestro de Muralto kaj prezidanto de F. I. R. (al kiu la konferenco ŝuldas apartan dankon pro lia grandega kaj kompleza helpo), S-roj Adv. Fiori, arkitekto Cavardini, Hunzicker, Nessi, S-ro direktoro Rinoldi, vicprezidanto de la urba konsilantaro.

Respondis al li D-ro Privat kaj sekvis alparoloj de S-ro Gilà, D-ro Stromboli (itale kaj esp.) S-roj Ĉe, Niŝimura, Dalmau, D-ro Dietterle, Kreuz, Morariu, Pedrazzini, Avv. Remonda, prezidanto de la urba konsilantaro kaj D-ro Baretta, urbestro de Muralto.

La partoprenintoj memoros dankeme pri tiu bankedo, en kiu la invitintoj montris sian grandan intereson kaj komprenon por nia afero.

## Ekskurso sur la Lago al Brissago.

Mardon posttagmeze post finigo de la lacigaj laboroj laga ekskurso al Brissago estis aranĝita.

Parto de la konferencanoj kunvenis en la alte lokita ĝardeno de l' resaniga hotelo de la Svisa Kooperativa Societo apud Brissago (kun mirinda perspektivo sur la lagon Maggiore) por trinki kafon kaj babili. Aliaj aŭtomobile veturis ankoraŭ al la itala landlimo. Antaŭ la 18 h. ĉiuj komune reveturis per vaporŝipo al Locarno.

Saman vesperon oni kunvenis lastfoje en ĝardeno de Hôtel du Lac por adiaŭi. Multaj forveturis la saman vesperon, akompanitaj de la samideanaro. Aliaj forveturis nur merkredon matene. Ĵaŭdon matene la lastaj samideanoj kaj la Ĝenevanoj forlasis Locarnon por rekomenci siajn laborojn hejme.

*

## Dokumentaro.

Al ĉiuj partoprenintoj de la konferenco estis disdonita la jena dokumentaro:

**Oficiala.**

Programo.
Raporto de la sekretariejo de I. C. K.
Statutaro.
Internacia Esperanto-Servo N-ro 3.

**Neoficiala.**

Bonvenon en Locarno!
Numero de la Organo de l' Fremdula Oficejo „Locarno" kun esperanta artikolo.
Programo kun esperanta teksto de l' Kazino „Kursaal" Locarno.
Gvidfolio tra Locarno en Esperanto (Eldono de la Federacio de la Interesoj Regionaj de l' Tiĉino).
Landkarto de l' Tiĉino (Eldono „Svislando-Italio".)
Packonferenco de Locarno (Direkcio de Unio de Bankoj Svisaj).
Presaĵoj de la foiro de Frankfurt a. M.
Numero de „Der Bund" kun artikolo en Esperanto pri Bern, Frankfurt a. M.

*

## Dankesprimo.

Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en la nomo de ĉiuj organizoj, partoprenintaj la labor-konferencon de Locarno per tio deziras kore danki al la ŝtataj aŭtoritatoj de l' Tiĉino, kaj al la urbestraroj de Locarno, Muralto, Minusio pro la granda helpo kaj favorigo de nia konferenco. La komitato deziras samkore danki al la direkcio de l' Kazino „Kursaal" Locarno, al la „Federazione degli Interessi de la Regione di Locarno", Locarno, al la Turista Oficejo „Suisse-Italie" kaj al la direkcio de la „Unione di Banche Svizzere", Locarno pro la honoraĵoj al nia konferenco.

*

## Filmado.

Dank' al intereso de la Oficejo de Kinematografio en Lausanne pri nia konferenco en Locarno filmo de la alveno de l' delegitaro kaj de I. C. K. estis farata kaj montrata en la semajna programo de ĉiuj kinematografejoj de Svislando kaj de la kompanio Gaumont.

---

**Kun tiu ĉi numero estas sendataj**
**Bulteno de l' Internacia Labor-Oficejo, N-ro 18**
**kaj Reklamilo de firmo Günther Wagner**
**(Pelikan-Inko).**

Dette kort vil blive medtaget paa „Fram“ over Polhavet og derefter postbefordret til adressaten.

Diese Karte wird von „Fram“ über das Polarmeer befördert und danach dem Absender pr. Post zugesandt.

This card will be carried by the „Fram“ across the Polar Sea and afterwards conveyed by post to the adressee.

Cette carte, emportée à bord du „Fram“, traversera avec lui l'Océan glacial et sera ensuite renvoyée par la poste au destinataire.

Junio 1918

Al mia fervora samideano R. Amundsen, ideano kaj batalanto kun danko por lia grande laboro por Esperanto la norvegaj esperantistoj de la norda poluso sendas siajn plej varmajn salutojn. Vivu nia kara Esperanto!

J. Finholt

Eneret Mittet & Co. Kristiania. Norge.

LINGVO INTERNACIA ESPERANTO — POLHAVET — N.Br. 7 6/5

Sro. prof. Edmond Privat
10 rue de la Bourse
Genève
Svislando

## Kuriozaĵo.

La originalo de tiu ĉi poŝtkarto, subskribita de Roald Amundsen, alvenis komence de monato marto 1926 en Genève. Ĝi do vojaĝis kun „Fram“ kies bildo ornamas la karton sur unua flanko, de junio 1918 ĝis marto 1926, preskaŭ 8 jarojn. La sendinto, F-ino Finholt, komitatanino de UEA, jam mortis en la jaro 1921.

## XV-a Belga Kongreso de Esperanto.

**La Panne (marbordo), 22., 23., 24. de majo 1926 (Pentekosto).**

La XV-a Belga Nacia Kongreso okazos dum Pentekosto proksima en La Panne, beleta urbeto lokita sur la marbordo.

La kongreso okazos sub la patronado de la „Ligo de la materialaj interesoj de La Panne“, kio signifas, ke la kongresanoj povas esti certaj pri komforta akcepto je ĉiuj vidpunktoj!

La Panne estas facile alirebla por niaj britaj, francaj kaj nederlandaj geamikoj kiuj estas elkore invitataj.

Por ĉiuj informoj kaj aliĝoj sin turni al sinjoro *J. Van Doren*, sekretario de la Organiza Komitato, 33, Chaussée de Nieuport, La Panne.

## VI. Kongreso de Hispanaj Esperantistoj.

**Madrid, 30 Majo ĝis 6 Junio 1926.**

Prezentiĝas al ĉiuj favorega okazo viziti la hispanan ĉefurbon, plenan je lumo, allogo kaj simpatio, tutmondfaman pro ĝiaj vidindaĵoj.

Fremduloj, per duonrondaj fervojbiletoj profitantaj ĉiajn vagonarojn povas vojaĝi Port-Bou (Orienta Pirinea landlimo) — Barcelona—Zaragoza—Madrid—Avila aŭ Segovia—Valladolid—Burgos—San Sebastian—Hendaye; kaj ili povas halti kaj viziti rimarkindajn monumentojn, artaĵojn sennombrajn. Jen kosto de tiuj ĉi biletoj, tarifo G. V. N-ro 105: I-a klaso 126,25 pesetojn; II-a klaso 95,50 pesetojn; III-a klaso 60,95 pesetojn. La kongresistoj ĉe la landlimo povos havigi al si specialan bileton iomete pli malmultekostan sed perdante favorajn kondiĉojn por iuj vagonaroj. Ankaŭ vojaĝi Hendaye—Port-Bou. Kongresa kotizo: 5 sv. fr.

Dum la kongreso kaj labortagoj por plej granda facileco kaj oportuneco estos tri ekskursoj: Escorial, Toledo, Aranjuez, ĉi tiu kun festeno oficiala abunda je la bongusta frago, fama en la tuta lando. Oni aranĝos la tagmanĝojn laŭ kutimoj de la regiono, eĉ la festenon, por la ekskursoj. Okazos koncertoj gravaj kun naciaj kantoj ĥore.

Adreso: Julio Mangada-Rosenörn, Glorieta de Bilbao, 5, Madrid. Sendu respondkuponon se vi volus pliajn informojn.

## I. L. E. P. T. O.

La Internacia Ligo de Esperantista Poŝt- kaj Telegraf-Oficistaro (ILEPTO) havas membrojn en 36 landoj. Estas ankoraŭ multaj da P. T. T.- kaj Radio-oficistoj esperantistaj ne jam organizitaj, kiujn ni petas aliĝi al nia Ligo aŭ almenaŭ sendi siajn adresojn al la prezidanto.

ILEPTO celas: 1. la disvastigon kaj lernadon de Esperanto ĉe la P. T. T.-oficistaro ĉiugrada kaj ĉiulanda; 2. la reciprokan interkonatiĝon, fratiĝon kaj subtenon de la tutmonda kolegaro; 3. la enkondukon de Esperanto en la servaro internacia de la Poŝto, Telegrafo, Telefono kaj Radiotelegrafio.

Gravaj estas la sukcesoj atingitaj de kiuj ni volas ĉi tie citi nur la pli rimarkindajn, kiel ekz.: 1. Ĝis 1924 ni kolektis ĉe administracioj en 36 landoj 13,000 subskribojn, submetis ilin kun petskribo al la 8-a Kongreso de la Universala Poŝta Unuiĝo en Stockholm kaj atingis, ke ĝis nun jam 17 Poŝt- kaj Telegraf-administracioj oficiale rekonis Esperanton kaj subvencias kursojn por sia personaro, kiel en Svislando; 2. ke kelkaj, precipe orienteŭropaj, P. T. T.-administracioj oficiale akceptis kaj jam uzas Esperanton en siaj interrilatoj; 3. ke la Internacio de l' P. T. T.-personara asocio laŭ niaj proponoj en siaj III-a Kongreso, la 17 Septembro 1924 en Wien, akceptis kun plej granda plimulto 3 rezoluciojn favore al enkonduko de Esperanto kaj subvencio de ILEPTO; 4. ke la plenkunsido de la Ligo de Nacioj, la 24 Septembro 1924, unuanime rekomendis al la registaroj akcepti Esperanton kiel „klara telegramlingvo“; 5. dank' al tiuj ĉi gravaj rekomendoj la VI-a Internacia Telegrafa Kongreso en Paris fine de Oktobro 1925 unuanime akceptis Esperanton kiel klaran lingvon. Ĉio tio estas jam gravaj sukcesoj, sed multo estas ankoraŭ necesa por oficiala enkonduko de Esperanto. ILEPTO petas ĉiujn esperantistajn aŭ esperantemajn kolegojn de la tuta mondo materie subteni ĝiajn celojn pagante la jarkotizon de 2 svisaj frankoj.

Ĉiuj gazetoj estas petataj publikigi tiun ĉi alvokon. La estraranoj, delegitoj kaj membroj de ILEPTO bonvolu traduki ĝin en la naciajn lingvojn kaj aperigi ĝin en sia landa fakrevuaro.

Ĉiu kunlaboro kaj subteno estas kordanke bonvenataj kaj akceptataj. La anoj de ILEPTO ricevas membrokarton kaj numeron de riĉenhava fakgazeto „La Interligilo de P. T. T." el Parizo (jarabono nur dolaroj 2,50) kiun ni samtempe tre rekomendas al via abono.

Por la *Internacia Ligo de Esperantista Pošt- kaj Telegraf-Oficistaro (ILEPTO)*

La Centra prezidanto: *D-ro Ed. Spielmann,* Del. de UEA, Gesellschaftsstr. 39, Bern (Svislando).

---

## Esperantista Akademio.

(El cirkulero).

Kelkaj esperantistoj plendas, ĉar la Akademio ne eldonas mem plenan vortaron, ian vortaregon. Post D-ro Zamenhof mi ripetas, ke tia ne estas la tasko de la Akademio. Vole nevole *oficialaj* estas ĉiuj prilingvaj decidoj de niaj lingvaj institucioj. Se, trograndigante sian rolon ili prenus sur sin „fari" la lingvon kaj enkonduki mem novajn radikojn, tia agado baldaŭ naskus, okaze de ĉiu novaĵo, senfinajn diskutojn inter akademianoj, inter lingvakomitanoj, inter esperantistoj. La jam sufiĉe grava rolo de la lingvaj institucioj estas konservi la Zamenhofan Fundamentan lingvon, kontroli ĝian evoluadon kaj la pliriĉiĝon de ĝia vortaro, fine oficialigi tion, kio — estante konforma al la fundamentaj principoj — post praktika uzado montris sin vivkapabla kaj necesa. Oni aliparte ne forgesu, ke la ĉefa fonto de la „neologismoj" por Esperanto kiel por ĉiuj niaj modernaj lingvoj estas la teknika vortaro, kiu iom post iom influas la komunan lingvon, kiel la scienco mem la ĉiutagan vivon.

Ĉu tio signifas, ke oni ne devas kuraĝigi la sindonajn homojn, kiuj prenas sur sin gravajn, plenajn enketojn pri nia lingvo? Certe ne, ĉar iliaj laboroj metode kondukitaj, kvankam ne oficialaj, povos iam alporti plej grandan utilon, plej efikan kunlaboradon al niaj oficialaj lingvaj institucioj.

Ĉu tio signifas, ke la Akademio rifuzas sian direktadon, siajn konsilojn al la verkistoj, al la esperantistoj, kiu ŝanceliĝas antaŭ aŭ inter novaj terminoj? Certe ne, kaj la tre kompetenta direktoro de la „Sekcio pri komuna vortaro", prof. Grosjean-Maupin, estis kaj estas ĉiam preta, kun granda sindonemo, doni la petitajn sciigojn al tiuj, kiuj jam sin turnis al li kaj al tiuj, kiuj devus, pli ofte ol ili faras, sin turni al li. Tre prave kaj energie li insistis pri la danĝero enkonduki senpripense en nian komunan lingvon neologismojn kaj formojn duoblajn por sama ideo! Oni relegu en *„Oficiala Klasika Libro"*, paĝ. 3: „Konsiloj pri enkonduko de novaj vortoj".

* * *

Kvankam eble kelkaj malice mallaŭdos la ĉiaman ripeton de samaj konsiloj, mi denove imitos la romanan censoron kun lia „Delenda Carthago!" kaj finos per tiuj vortoj:

„Nur per unueco, karaj samideanoj, ni venkos."

„Unueco estas ebla nur per severa disciplino de ĉiuj akceptita en lingvaj demandoj kaj pri *ĉiu* detala punkto." Tion mi ne plu ripetus, se mi estus konvinkita, ke fine ĉiuj same opinias, sed . . .

Eĉ guto malgranda konstante frapanta
Traboras la monton granitan!

Tre kore kaj fidele via

*Th. Cart,*
Prezidanto de la Lingva Komitato
kaj de ĝia Akademio.

## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

Sidejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève

---

**Land- kaj fakorganizoj.**

Ni petas, ke tiuj landaj societoj (precipe transmaraj) kaj fakorganizoj, kiuj ankoraŭ ne starigis daŭran kontakton kun ni, bonvole tion faru kiel eble plej rapide por progresigi la kunagadon.

**Cirkuleroj**

Pro la kunveno de Locarno ne eliris cirkulero en marto.

**Korespondantoj de I. C. K.**

Intertempe aliĝis ankoraŭ:

32. D-ro W. Robin, Warszawa
33. Prof. O. Bujwid, Kraków
34. A. Piño, Valencia.

**Propagand-vojaĝo Ĉe.**

La sekretario de I. C. K., S-ro A. Ĉe, laŭ invito de Dana Ligo en marto faris sukcesplenan vojaĝon tra Danujo kaj paroladis en Kobenhavn, Aarhus, Grenaa, Odense, Helsingör. Ni korege dankas tie ĉi al Dana Ligo kaj samideanoj pro la afabla kaj gastama akcepto de nia sekretario.

**Gazeta statistiko.**

En marto alvenis 175 eltranĉaĵoj en 10 lingvoj. Pro manko da loko kaj ŝanĝo de l' sistemo la ciferoj de gazetarservoj ne aperas ĉi tiun fojon.

**Amplekso de korespondado.**

La postaj ciferoj ebligas superrigardon pri la pure teknika laboro de l' sekretariejo de I. C. K. Estis forsenditaj laŭ poŝtkategorioj:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| en septembro 1925: | 106 | leteroj | 2 | kartoj | 2 | presaĵoj |
| en oktobro 1925: | 104 | „ | 4 | „ | 37 | „ |
| en novembro 1925: | 148 | „ | 36 | „ | 150 | „ |
| en decembro 1925: | 143 | „ | 41 | „ | 288 | „ |
| en januaro 1926: | 156 | „ | 46 | „ | 381 | „ |
| en februaro 1926: | 143 | „ | 49 | „ | 712 | „ |
| en marto 1926: | 180 | „ | 95 | „ | 629 | „ |
| entute: | 980 | leteroj | 273 | kartoj | 2199 | presaĵoj |

*Rob. Kreuz*
Ĝenerala Sekretario

---

## Zamenhof-Monumento.

Daŭrigo de monkolekto.

La 17-a Kongreso en Genève decidis, ke la monkolekto por la supra celo estu daŭrigota. Tio tute konformiĝas kun la skemo projektita ĉe la komenco. Oni memoras, ke la kongreso en Praha akceptis proponon, ke, se restos mono, ĝi estu uzota por alia memoriga celo. Laŭ la deziresprimo de la kongreso en Genève ni daŭrigas la monkolekton. Pro manko de definitiva celo la Organiza Komitato ne povas alvoki kun konfido kaj sukcese la esperantistaron por mono. Multaj memorigaj projektoj ja kreiĝas en la imago de ĉiu samideano, kaj efektive kelkaj jam estis diskutitaj de la Organiza Komitato. La mono certe venos, se nur la bona projekto alvenos. Kelkajn funtojn ja havas la monumenta kaso por komenci. Niaj samideanoj, kies subtenon ni bezonos, estu juĝantoj kaj decidantoj. Do ni petas per ĉi tiu alvoko la pripenson de niaj amikoj ĉiulandaj kaj konsilon pri tiu tre grava paŝo. Priparolu la aferon ĉe grup-kunvenoj kaj skribu vian opinion al la Organiza Komitato por la Zamenhofa monumento.

*J. D. Applebaum,* honora sekretario,
11 Mayville Road, Messley Hill, Liverpool.



# LA PAĜO DE L'REDAKTORO



## *Leteroj al la redakcio.*

### Forjetu „Japan"-on.

Per ĉisupra titolo mi antaŭ ĉio devas atentigi al la legantaro, ke mi ne deziras, ke oni forjetu „*Japano*"n, sed „*Japan*"on, t. e. uzu la veran nomon „Nippon" por nia lando anstataŭ „Japan", la falsa.

Koncerne tion mi jam prezentis proponon al Esperantista Akademio petante, ke ĝi prizorgu oficialigi la nomon „Nippon", ĉar tiu rimedo estos plej efika por konvinki la tutan mondon.

La kaŭzo estas kiel jene:

Malgraŭ la nomo „Japan" aŭ la simila fariĝas nun preskaŭ internacia, tia elparolado neniam ekzistis en nia historio.

Nia lando estis por la unua fojo konigita al la okcidentuloj pere de Marco Polo en la 13-a jarcento sub la nomo „Zipangu".

Ĝi estas, mi opinias, la tiama ĥina elparolado iel difektita, kiun oni nun elparolas Pekin-maniere „Jih-penkuo" (etimologie la lando, de kie venas la suno).

La nomo „Japan" do devas esti deveninta de tiu „Zipangu" duoble difektite; ni tamen vole-ne-vole elparolas tiel, nur por ke la fremduloj povu kompreni, sed neniam hejme.

Ekzistis en fakto kelkaj historiaj nomoj propraj al nia lando, kiujn ni ankoraŭ nun uzas nur beletristike, sed la nomo „Nippon" estas tiu oficialigita de nia registaro en la jaro 670 p. K. kaj de tiam ni uzadas ambaŭ politike kaj geografie.

Unuvorte la nomo „Japan" estas al ni stranga, nekonvena, eĉ sonanta kvazaŭ ĵargono, kiun anstataŭigi per la vera nomo ni pretendas kiel la natura inklino de la homo.

Kiel ajn oni nomu landon de ekstere, tion neniu rajtas riproĉi kiel „sintrudema en la internan vivon" aŭ „elpuŝo de la ekzistanta lingvo nacia", sed ĉu ne estas prudente kaj en ia senco konforme al la Bulonja deklaracio, se oni preferas la nomon, kiun solan la popolo koncernanta uzadas jam de kelkaj centjaroj kiel sian propran, ol tiun, kies deveno estas dubinda?

*K. Takahaŝi,* Del de UEA, Ŝizuoka, Nipponujo.

*

**Respondo.** La problemo kiun tuŝas la honorinda samideano havas specialan signifon kaj meritas atenton. Estas konate, ke multaj landnomoj, precipe neeŭropaj, havas kripligitan formon ne nur en Esperanto sed ankaŭ en la eŭropaj lingvoj.

La kialo estas diversa. Malbona kompreno de enlanda nomo, fuŝa transskribo en iun eŭropan lingvon kaj ankoraŭ pli fuŝan akcepton en aliaj lingvoj. Ĉiu kiu laboras pri geografiaj nomoj plendas pri la nesama transskribo, jen laŭ angla, jen laŭ franca, hispana kaj nederlanda manieroj. Estas la demando, ĉu ni esperantistoj korektu tion kaj bonigu kion fuŝis aliaj. Ni opinias, ke ni *ne* devas iel tuŝi la *radikojn*. D-ro Zamenhof bazis Esperanton sur la lingva materialo eŭropa, pli precize sur la indo-aria branĉo. Li elektis formojn plej konatajn por la landnomoj preferante tiel *German-, Finn-, Hungar-, Aŭstr-* anstataŭ nacian formon kiel *Dojĉ-, Suom-, Magyár-, Oesterreich-,* malpli konataj kaj ankaŭ malpli konformigeblaj al la lingva strukturo de Esperanto. Tial estus konsilinde ne provi tiajn formojn kiel Dojĉlando, Suomio, Maĝiarujo, Ostriĥo kaj Nipponlando. Nenio kontraŭstaras pri *poezia* uzado de *Nipono* (cetere kun 1 p), nomo konata kaj uzata en literaturaj tekstoj, sed ne en la ĉiutaga vivo.

*H. J.*

32, Crescent Road, Cheetham Hill, Manchester, Anglujo, 27. Marto 1926.

Sinjoro,

En la gazeto „Esperanto" 1925, p 226, estas presita sub mia nomo artikoleto kun la titolo „Rimarkoj pri la artikolo ‚Kelkaj Zamenhofaj esprimoj'". En tiu artikolo mi rimarkis la sekvantajn vortojn: *febr. 1891; julio 1892; majo 1893; kvinŝilingan monerojn; Lingvan Respondo 54.*

Antaŭ longe mi skribis al la redakcio, ke nomoj de monatoj ĉiam devas havi grandan ĉefliteron, konforme al la Ekzercaro kaj la Universala Vortaro. Mian leteron la redakcio ignoris, kaj en la nun priplendita artikoleto iu eĉ anstataŭigis mian fundamentan formon *Febr., Julio, Majo* per la kontraŭfundamenta *febr., julio, majo!*

Kelke da monatoj mi atendis, esperante, ke la redakcio propravole esprimos bedaŭron pri tiaj fuŝaĵoj, sed vane mi traserĉis la sekvantajn numerojn de la gazeto.

Ĉu vi pensas, ke mi povas senplende elporti la supozon, ke mi skribis tiajn fuŝaĵojn? *William Bailey.*

*Ni volonte kaj publike konstatas, ke S-ro Bailey neniel estas kulpa pri tiu nepardonebla kulpo kaj prezentas al li la bedaŭron de la tuta redakcio kaj presistaro. (Red.)*

---

### Amuzaĵo.

Redakcio de esperantista revuo ricevas ofte manuskriptojn kaj presaĵojn kun stranga enhavo. UEA konservas en sia biblioteko-arkivo tiajn dokumentojn sub rubriko *Strangaĵoj* kaj valorus foje kunigi kelkajn el tiuj *„spiritaj floroj"* por amuzigi la legantojn. Ni ĵus ricevis presaĵon en germana lingvo, kiun ni juĝas inde por represi tie ĉi en Esperanto (ni tradukas laŭvorte):

**Unuiĝo Terglobŝtato.**

1. Al la unuece organizita terglobo trans la ponto de la mondlingvo Esperanto.
2. En ĉiu lernejo de la terglobo estu instruata apud la patrina lingvo la mondlingvo. Informon pri Esperanto: Esperanto-Zentrale, Berlin SW. 61, Wilmsstr. 5.
3. Ĉiujn disputojn de la popoloj decidas la Mondjuĝejo en Hago.
4. La Popolleĝojn donas la Tergloba Parlamento en Vieno.
5. Tergloba Armeo tera, akva kaj aera, estas formata, miksita el ĉiuj popoloj. Servolingvo Esperanto. Kiu ne submetiĝas al la Mondjuĝejo estos venkata per la Tergloba Armeo.
6. La naciaj armeoj estas sinsekve malgrandigataj laŭ la pligrandiĝo de la Tergloba Armeo kaj fine dissolvitaj.
7. Libera komerco tra la tuta terglobo.
8. Libera migrado tra la tuta terglobo. Sed restado por gajni sian vivbezonon nur estas permesata en ne sufiĉe loĝataj landoj laŭ reguloj fiksotaj de la Tergloba Parlamento.
9. Plian informon donas la sekretario de la Unuiĝo Terglobŝtato: Otto Lüerssen, Innozenziastrasse 25, Hamburg 37.

---

*Homa animo ne detruiĝas kun la korpo, sed ĝi postlasas ion eternan.* Spinoza

*

*Gravas ne loko, kiun ni okupas, sed direkto laŭ kiu ni moviĝas.* Holmes

*

*Pliutilas kelkaj saĝaj reguloj, kiuj ĉiam povas al vi servi, ol multaj aferoj por vi senutilaj.* Seneka

*

*Pli elportebla estas la morto pri kiu oni ne pensas, ol la ideo pri la morto kiu eĉ ne minacas.* Pascal

*

*Homo pliigas sian feliĉon per tio ke li havigas ĝin al la aliaj homoj.* Bentham




## Tra la gazetaro

∴ *Nova Sento,* dumonata organo de la Kiuŝiu Esperantista Ligo (Japanio), sub titolo „Aplikado de Esperanto“ S-ro Seriŝev la konata propagandisto priparolas la ŝajnan halton de nia produktado literatura. Li konkludas:

1. Ni bezonas en ĉiu lando Institutojn por preparado de instruistoj de Esperanto.
2. Ni devas nepre krei almenaŭ unu ĉiutagan esperantan gazeton: ĝi estas mezurilo de nia movado kaj bone influas eksteresperantistan mondon, samtempe servante kiel fonto de freŝa internacia materialo por gazetistoj kaj laborantoj en gazetoj.
3. Por efektivigi tian gazeton, ni devas tute ŝanĝi nian ordinaran neklerulan psikologion: „Mia kabano estas en ekstremaĵo (rando), mi nenion scias pri urb-internaĵo“. Ĉiu esperantisto nun kutime zorgas komence pri sia urba grupo, penante eĉ havi en sia urbo propran gazeton; poste li iom pensas pri subteno de nacia centra esp. movado kaj presorgano, kvankam ofte por tiu celo al li mankas mono. Nur kelkaj zorgas pri unu aŭ du oficialaj Esperantaj internaciaj organizaĵoj (ĝenerale, pri UEA) kaj pri 1—2 internaciaj esp. gazetoj; plejmulto pri tio tute ne zorgas. Tiamaniere, egoismo regas en medio de samideanoj; ĉiu rigardas la esp. movadon de la alteco de sia urba sonorilejo. Sed ja vera esperantisto devas agi tute kontraŭe; komence subteni tion, kio estas la plej grava, t. e. internaciajn organizaĵojn, kiuj prezentas nian movadon antaŭ la ekstera mondo, ekz. UEA, Akademion, Sat, UEAJ (Asocio Universala de Junuloj Esp.), Universalajn Kongresojn (aliĝante al ili), internaciajn gazetojn: „Esperanto“, „Heroldo de Esperanto“, kaj siafakan (laboristo — la laboristan, instruisto — la pedagogian, doktoro — la medicinan, ktp.), kaj nur poste — sian enlandan.

∴ *„Ridanta Esperantisto“*, post 4 monata ekzisto ĉesas aperi, pro „malbona ekonomia situacio“. — Ni anoncas tion kiel ni anoncis la aperon. Ĉu fine oni lernos ke la aĉet-kaj legopovo de la esperantistoj havas limojn?

∴ *La Ora Epoko,* Oktobro-Decembro 1925, kiu atingis nin antaŭ nelonge skribas sub — *Rimarko de la redaktejo* —

> „Ni ĝis nun granddeficite aperigis nian ĵurnalon, ni ĉiam alpagis sed gajnis ĝis nun nenion centimon, ni ankaŭ ne deziras profiti estonte ion per nia entrepreno, sed aspiras nur al tio, povi daŭrigi la aperadon de la ĵurnalo, se venos la momento, kiam la abonoj pagos mem la ĵurnalon, tiam la profito estos uzata en la maniero, plibeligi kaj pliriĉigi ĝin kaj se eble, fiksi pli malaltan abonprezon.

Malnova sperto farita jam de multaj fervoruloj, esprimiĝas en supra iom longa frazo. Kiam oni lernos, ke eldono de gazeto ĉiam restas risko kaj absolute certa monperdo? Ĉar la nombro de regulaj abonontoj necesa por vivigi tion ĵurnalon estas malfacile trovebla, ĉu ne estus ebla interesigi organizaĵon de la Biblio-studantoj, al ĝia eldono por fari propagandon en esp. medio?

∴ *Espero Katolika* (februaro) informas pri eldono de Katolika Literaturo en Esperanto. — Ni bezonas katolikan eldonon de la Nova Testamento. Ni bezonas katolikajn verkojn esperantlingvajn. Tial fondiĝas en Parizo Societo Sankta Miĥaelo, kies precipa celo estas kolekti monon por ebligi la eldonadon de katolika literaturo en Esperantujo. Povas aliĝi ne nur esperantistoj, sed ankaŭ ĉiuj katolikoj, kiuj volas helpi la disvastigon de la kristanaj principoj pere de Esperanto. Estas tri kategorioj de membroj:

1. la „Amikoj“ kiuj unufoje donas 500 fr. aŭ egalvaloran sumon;
2. la „Bonfarantoj“, kiuj ĉiujare donas 25 fr.
3. la „Aprobantoj“ kiuj ĉiujare donas 5 fr.

La membroj de la 1a kaj 2a kategorioj ricevos senpage po unu ekzemplero de ĉiuj libroj eldonataj de la Societo. Laŭeble la Societo ankaŭ rekompencos la membrojn de la tria kategorio. Espero Katolika publikigos la nomojn de la membroj. Vi do ĉiuj, kiuj deziras katolikan literaturon esperantlingvan, kaj precipe eldonon de la Nova Testamento, tuj sendu vian aliĝon kun la kotizo al F-ino Larroche, 55 rue de Vaugirard, Paris VIº.

---

## NOVAJ GAZETOJ

Tute nerimarkita aperis en Ĉeĥoslovakio, novembron pasintan la *„Teritoria Tribuno“ de UEA-Delegitaro.* Redaktas kaj eldonas ĝin S-ro O. Sklenčka, ĉefdelegito de UEA, Hradec-Kralové. Laŭ formato de UEA jarlibro, 24 paĝoj, ĝi celas ligi la delegitojn en Ĉeĥoslovaka teritorio, gvidi kaj instrui ilin pri la tasko plenumata. Praktika eldonaĵo rekomendinda al ĉiuj praktikaj esperantistoj. Abono 10 kĉ (1.50 fr. svis.) por kvin numeroj aperontaj laŭbezone.

∴ *Esperanto* en Nipponlando, redaktata de S-ro Ishiguro. Japana propaganda revueto. Abonprezo 1.40 Jenoj (ĉ. 4.20 fr. svis.)

∴ *Internacia Radio-Revuo,* N-ro 1—2, januaro-februaro 1926. Organo de la Internacia Radio-Asocio. 24.5×16 cm, 40 paĝoj. Abono: 0.5 dolaro usona jare. Adreso: Etienne Chiron, 40 rue de la Seine, Paris. — Redaktita de D-ro Pierre Corret kaj S-ro Ajsberg la nova revuo prezentiĝas tre bone; dezegnaĵoj faciligas la komprenon de la artikoloj, ĉiuj en pura fundamenta Esperanto. La revuo estas nepre rekomendinda al ĉiu esp. radio-amatoro.

∴ *Orienta Lumo,* oficiala organo de Korea Esperanto-Instituto, 25 Heido, Sœul. Abono 2 fr. svis.

∴ *La Socialisto,* organo de Aŭstria Laborista Ligo Esperantista. Unua numero, januaro 1926 Abono: 0.5 dolaro jare. Adreso: Wien XXI, Jedlersdorferplatz 33. La laboristaj esperantistoj spertas saman disigon de fortoj kiel la t. n. „neŭtralaj“ samideanoj. Pri la bezono de speciala gazeteto por *Aŭstria Laboristo Esperantista* oni povas dubi vidante ke ĉiuj gazetoj esp. luktas por ekzisti. Alia konstato estas, ke eĉ la plej internaciemaj aŭ sen-naciaj esperantistoj ne sukcesas venki la plej danĝeran bacilon de organizita movado: la partikularismon! Quousque tandem?

∴ *La Forta Voko,* dana esp. gazeto. 20×15 cm, 8 p. Red.: Paul Neergaard, Livjaegergade 49, København, O.

∴ *Akle,* Informoj por la membroj de la Aŭstria Katolika Ligo, Esperantista. N-ro 1, januaro 1926.

∴ *Bulteno de Internacia Scienca Asocio Esperantista,* N-ro 1, januaro 1926 24×16 cm, 14 p. Red.: S-ro Rollet de l'Isle, Paris; Adm.: S-ro C. Rousseau, 4 place de la République, Levallois-Perret, Seine (France). Abono: 0.5 dolaro usona.

∴ *Internacia Medicina Revuo,* N-ro 1, januaro 1926. Red.: D-ro Briquet, 31 rue de la Bassée, Lille. 24×16 cm, 60 p. Jen reaperas tiu-ĉi faka revuo kun tre varia enhavo. Foliuminte ni plezure vidas preskaŭ seneraran lingvon; evitinda estus la

uzo de vortoj jam ekzistanta kun alia senco: *nihilismo* = neniigo, detruo, forigo, senvalorigo. *Venera* malsano = seksa malsano, k. a. — Entute vere subteninda revuo kiu espereble ne havos la saman sorton kiel tiom da aliaj fakaj revuoj.

∴ *Der Arbeiter-Esperantist* (marto 1926.) La laborista Esperantisto nun eniranta sian dekdujaran aperon enhavas ĉiam legindajn artikolojn. Kvankam „klasbatala" la redakcio evitas insulti nesamideajn esperantistojn. Duonjara raporto pruvas la seriozan laboron kaj bele presita invitilo al Liga tago en Stuttgart la entreprenemon de la laboristoj malgraŭ nefavoraj cirkonstancoj.

∴ *Bulteno*, monata eldono de Antverpena Poresperanta Propaganda Komitato. 26×18 cm, 6 p. Red.: Jan Jacobs, Boomsche Steenweg 444, Antwerpen. Tiu-ĉi, ĝis nun hektografita bulteno aperas nun kompostite. Abono 6 belgaj frankoj, enlando 2 50 belgaj frankoj.

## Tradukoj el Esperanto en naciajn lingvojn.

*„Der Volksbildner"*, (Karlsbad) en februara numero enhavas tradukon el „Esperanto", oktobro 1925 „La Maja Civilizacio", faritan de S-ro Ulbert, poŝta direktoro.

*„Kuiluja"* finnlingva traduko de la originala novelo „Abismoj" de Jean Forge, tradukita de Aini Setälä, eldonita de Otava, konata finna eldonejo.

*„Koidang"* = Aŭroro. Estona traduko de esp. verkaĵo, de Henriko Seppik, Kastari 91-1, Tartu. Ricevebla por 1 fr. svis.

## ESPERANTO EN LA PRAKTIKO.

∴ **Frankfurta Foiro.** Okaze de la nunjaraj foiroj aperis arte presita prospekto, kuvopapero kaj ŝnurita per basto. Ĝi kompletigas inde la serion de belaj reklamiloj de tiu ĉi fama foiro. Interesuloj mendu ĝin: Messamt, Esperanto-Fako, Haus Offenbach, Frankfurt a. M.

## Verda Libertempo.

**Kio ĝi estas? — Kion ĝi volas?**

*Verda Libertempo* estas la renkontejo de tiuj samideanoj, kiuj volas refreŝigi sin en verda naturo, ekzercante la verdan lingvon en rondo da anoj de la verda stelo!

*Verda Libertempo* volas doni okazon uzi Esperanton en amika rondo per paroloj kaj kantoj. Samtempe ĝi volas estigi kaj firmigi amikecon inter anoj de diversaj nacioj.

Krome per ĉio ĉi kune ĝi prezentas idealan refreŝigejon por korpo kaj animo.

Do, partoprenante Verdan Libertempon vi ne loĝos en urba aero, vi ne restados inter ŝtonoj dum via mallonga libertempo; vi havos okazon kunesti de la mateno ĝis la vespero kun gesamideanoj, babilante aŭ kantante en belega regiono nian karan lingvon! Komunaj belaj kaj interesaj travivaĵoj firme kaj kore interligos vin kun la ceteraj gepartoprenantoj, al kiu ajn nacio ili apartenu!

Ke Verda Libertempo plenumas sian promeson, tion atestas tiuj, kiuj pasintjare plendis la rapidan preteriron de tiu paradiza „tempo en Esperantujo". — Do, se vi ŝatas travivi nian ideon en praktiko, venu! (Vidu la anoncojn!)

*Leono Funken*, delegito de UEA, Florinsmarkt 7a, Koblenz, Germanlando.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, laŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu favorprezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 4, 10, 20; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 4, 10, 20: **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 4,—, 10,—, 20,—; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 4, 10, 20; **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 6, 12,50, 40; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 50. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Franclando: No. 22176, Lyon. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

**Naciaj prezoj.** — Pro la pliboniĝinta kurzo la kotizoj de la jenaj landoj estas modifitaj. Anoj en tiuj landoj do pagas de nun:

| | Membro | Membro-Abonanto | Membro-Subtenanto |
|---|---|---|---|
| Danlando | 4 | 10 | 20 kronoj |
| Aŭstralio | 4 | 10 | 20 ŝilingoj |
| Irlando | 4 | 10 | 20 ŝilingoj |

**Donacoj.** — Ni kvitancas la ricevon de jenaj donacoj:

Melburna Esperanto-Klubo:

| | |
|---|---|
| Profitoj el danco 17. 9. 1925: | 3. 3.9 £ |
| Profitoj el danco 22. 10. 1925: | 4. 0.9 £ |
| Donaco de la Vagada Klubo: | 14.0 £ |
| Profito el danco: | 10. 0.0 £ |

kaj sincere dankas al la afablaj donacintoj por la valora helpo farita per tiuj subtenoj. Regule la esperantistoj en Melbourne sendis la profiton el festaranĝoj al UEA. Dankinda kaj imitinda ekzemplo.

— „Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj", societo funkcinta de 1909 ĝis 1914, decidis ne restarigi la societon kaj donaci la havaĵon de la kaso al UEA. Ni kvitancas la ricevon de la sumo de fr. fr. 182.50, senditaj de S-ro Doué en Paris, kaj kore dankas al la donacintoj.

**Nepagintaj anoj.** — Konforme al la statuto Art 11, la Centra Oficejo dissendis komence de la monato aprilo avertilojn al ĉiuj ĝis tiam nepagintaj anoj. Al personoj, kiuj ne formale eksiĝis kaj ne pagis la kotizon ĝis la 25 aprilo, ni sendos poŝtrepagilon en tiuj landoj, kie tia servo ekzistas. Por eviti al la Oficejo senutilan klopodadon, ni petas, ke oni bonvolu nin informi pri la nedezirindeco de tia procedo.

## Novaj delegitoj.

**Badalona,** Hispanio. D. S-ro Ramón Teixidó Perdigo, 35 Str. Prat de la Riba.

**Banja Luka,** Sudslavio, Bosnio. D. S-ro Predrag Ilič, studento, Štrosmajerova ulica 6.
VD. F-ino Jelka Vinterthaler, oficistino, Dobraševa ulica 55.

**Beaufort West,** Suda Afriko, Cape Prov. D. S-ro Matthew Deas, konstruisto.

**Bellegarde-Poussieu,** Franclando, Isère. D. S-ro Robert Ollieu, notaria oficisto, Chez Me. Giroud, notaire.

**Bildstock,** Saar. D. S-ro Jakob Schenkel, desegnisto, Trenkelbachstr. 25.

**Bitonto,** Italio, Apulio. D. S-ro Giuseppe Vacca, posedanto, 12 Corso Vittorio Emanuele.

**Böhmisch-Krumau,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Max Urban, teknikisto, Latron 4.

**Boryslaw,** Pollando, Or. Galicio. D. D-ro Janusz Raŭch, petrolindustriisto, „Naftahaŭs Dr. Raŭch & Co."
VD. S-ro Valerjan Bodniak, seruristo, Koszary „Nafta" Tarnawka.

**Braunau,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Rudolf Scholz, kontoristo, Braunau-Voigtsbach.

**Chamalières,** Franclando, Puy de Dôme. D. F-ino Lucienne Volat, rue du Bosquet 4.

**Chelsea,** Usono, Oklahoma. D. S-ro G. P. Ferree, kuracisto, R. 2.

**Chorzow,** (Wojew Slaškie) Pollando, Supra Silezio. D. S-ro Tomasz Bywaletz, ul. Szkolna 20.

**Cottingham,** Britlando, E. Yorks. D. S-ro Percy Riseam, juvelisto, Dunswell Road.

**Czersk,** Pollando, Pomorze. D. S-ro Kazimierz Majorkiewicz, instruisto.

**Dar Bel Hamri,** Maroko. D. S-ro Pierre Carrière, Farmo Sainte Blanche Controle civil de Petitjean.

**Darwen,** Britlando, Lancashire. D. S-ro Ernest Flint, librotenisto, 16 Garden Village, Spring Vale.

**Dokkum,** Nederlando, Friesland. D. S-ro Henderikus Jan Bakker, lernejestro.

**Dresden-Zschachwitz,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Herbert Brader, instruisto, Simonstr. 11.

**Dunfermline,** Britlando, Scotland. D. F-ino Lily Shearer, instruistino, 6 High Str.

**Ežerénai,** Litovio. D. S-ro Mykolas Juozas Stommo, arbarteknikisto, Birutes g. ul. 2.

**Focsani,** Rumanio, Putna. D. D-ro Jon Danila, profesoro, 47 Strada Brailei.

**Fortaleza,** Brazilo, Ceará. D. S-ro Francisco Falcao, komercoficisto, r. Tristao Gonçaloés 55.

**Frankenberg,** Germanio, Sa. D. S-ro Max Hofmann, ŝtata oficisto, Freibergerstr. 55 I.

**Freihöls,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Josef Matl, instruisto, Freihöls, Post Neuern.

**Goch,** Germanio, Rheinland. D. S-ro Hans Haberler, librotenisto, Markt 22.

**Godesberg,** Germanio, Rheinland. D. S-ro Max Butin, komercisto, Bahnhofstr. 30.

**Goldenöls bei Trautenau,** Ĉeĥoslovakio. VD. S-ro Josef Demuth, instruisto.

**Grand'mère,** Kanado, Québec. D. S-ro Ellwood Wilson, arbaristo.
VD. F-ino Edythe Jessie Murray, sekretariino.

**Hermsdorf** (Kynast) Germanio, Schlesien. D. S-ro Waldemar Gattert, komercisto, Agnetendorfer Str. 4.

**Höntrop,** Germanio, Westfalen. D. S-ro Gustav Reimüller, oficisto, Südstr. 42.
VD. S-ro Aŭgust Becker, oficisto, Höntroperstr 39, Westenfeld.

**Horní Suchá,** Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Antonin Odehnal, minejmezuranto, c/o S-ro Steinhauer.

**Hronský Svätý Beňadik,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. S-ro Anton Grünwald, oficisto.

**Imatra,** Finnlando. D. S-ro Antti Räty, instruisto, Kalalampi.

**Ismail,** Rumanio, Bessarabio. D. S-ro Boris Melnikov, gimnaziano, 77 Str. Lipoveneasca.

**Jamura,** Japanio, Jamanaŝi Gubernio. D. S-ro Hideo Kamo, instruisto en komerco lernejo, Nakamaĉi.

**Jaremcze,** Pollando, Malo Polska. D. S-ino Erna Zimand, instruistino de Esperanto.
VD. S-ino Helena Sobotnicka, bibliotekistino, Biblioteko „Ruch".

**Jemnice,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Jindřich Vvdra, komerca komizo. c/o S-ro Jan Emmer.

**Kretinga,** Litovio. D. S-ro Boleslovas Giedra, instruisto, Vidurine Mokykla.
VD. S-ro Kazimieras Kavallanskas, instruisto, Vidurine Mokykla.

**Kumamoto-si,** Japanio, Kumamoto-Ken, Kiuŝu. D. S-ro Yamamoto-Hitovi, instruisto en tekn. lernejo. Kenritu-kôgyô-Gakkô, Kumamoto-si Oomati.

**Landstuhl,** Germanio, Pfalz. D. S-ro Leonhard Staudt, komunumsekretario, Fröhnstr. 2.

**Leysin,** Svislando, Vaud. D. S-ro Edmond Stutzmann, fervoja oficisto, Gare du Feydey.

**Lippstadt,** Germanio, Westfalen. D. S-ro Alphons Frey, instruisto, Bastionstr. 8.

**Livani,** Latvio, Latgale. D. S-ro Jànis Greiško, staciestro, Statijas preekšneekam.

**Lüneburg,** Germanio, Hannover. D. Prof. Albrecht v. Lobkowitz, orkestrano, Obere Ohlingerstr. 9.

**Luton,** Britlando, Bedfordsh. D. S-ro William A. Gething, Civila servisto, 25 Durbar Rd.

**Manaos,** Brazilo, Amazonas. D. S-ino Euthalia Barroso Silva Ramos, instruistino, Av. Conselheiro Paes de Andrade 15—17.

**Marbach,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Johannes Schröder, instruisto, Amtshauptmannschaft Döbeln.

**Mariampolé,** Litovio. D. S-ro Atanas Prapuolenis, instruisto, paŝto agentura Vinĉai gelžkl. stotis.
VD. S-ino Eta Pilvinskiené, komercistino, Kestučio g-vé 11.

## Ŝanĝoj.

**Alba Julia,** Rumanio, Trans. D. vakas.
VD. F-ino Irma Gyulay, oficistino, Str. A. Murasan 3.

**Annaberg,** Germanio, Sachsen. D S-ro Fritz Krämer, instruisto, Bahnhofstr. 2 III.

**Antibes,** Franclando, Alp. Mar. D. S-ro Ernest Cacouault, eksbatalionestro, Villa les Primevères, Chemin de l' Ermitage.
VD. F-ino Georgette Cacouault, sama adreso.

**Antwerpen,** Belgio. D. S-ro Gustave Vermandere, komercisto, Vleminckxstraat 18.
VD. S-ro Maurice de Ketelaere, komercisto, Lamorinièrestraat 50.

**Apeldoorn,** Nederlando, Gelderland. D. S-ro Herman van Leeuwen, ĉefkonduktoro de la Nederl. fervojoj, Ramweg 24.
VD. F-ino M. G. Kramers, Arnhemseweg 59.

**Barrow-in-Furness,** Britlando, Lanc. D. S-ro Joseph Frederick Yeomans, fervoja oficisto, Dalton Rd.

**Beclean,** Rumanio, Jud. Somes. D. D-ro József Rácz, advokato.

**Blackburn,** Britlando, Lancash. D. S-ro Frank Savage, instruisto, 370 Whalley New Rd.

**Bolton,** Britlando, Lancash. D. S-ro Charles Ormerod, eks-fervojisto, 19 Grafton Str.

**Bremen,** Germanio. D. S-ro Heinrich Gerke, eksinstruisto, Donaŭstr. 51 II.
VD. S-ro Friedrich Hahn, tajloro, Weizenkampstr. 3.

**Brno,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. VD. S-ro Josef Bednář, direktoro de komerclernejo, Divadelni 1.

**Bucureŝti,** Rumanio. Ĉefdelegito S-ro Tiberio Morariu, financa oficisto, Strada 11 Junie 80
D. S-ro Henriko Harabagiu, oficisto, Str. Campineanu 17.
D. S-ro Ernest Grund, prokuristo, Parcul Gornescu A. 12.

**Burnley,** Britlando, Lancashire. VD. S-ro Louis Hartley, komercisto, 15 Fleet Str.

**Calais,** Franclando, P. d. C. D. S-ro Aimé Neut-Everaert, honora instruisto, Rue Royale 22.

**Cambridge,** Britlando, Cambridge. D. S-ro Tregonwell Edmund Collier, bakisto, 19 Panton Street.

**Cluj,** Rumanio, Trans. D. F-ino Eugenia Morariu, oficistino, Str. Fântânelei 10.
VD. S-ro Ernesto Hirsch, komercisto, C. R. Ferdinand 13.

**Detroit,** Usono, Michigan. D. S-ro Tobias Sigel, kuracisto, 2916 E. Grand Boulevard.
VD. Albert Koliner, Library Av. 1030,

**Freiberg,** Germanio, Sachsen. D. S-ro Karl Spitzner, oficisto, Dammstr. 26 II.
VD. S-ro Martin Hellwig, Frauensteinerstr. 55.

**Görlitz,** Germanio, Silezio. VD. S-ro Erich Sattler, komercisto, Jacobstr. 21.

**Halle a. S.,** Germanio. D. S-ro Rudolf Strauss, tajloro, Scharrenstr. 10 I.
VD. S-ro Eugen Papenthin, instruisto, Bernhardystr. 9 I.

**Jeffersonville,** Usono, Indiana. D. S-ro Otto W. Fergusson, posedanto de presejo „The Fergusson Press", 125 East Chestnut Str.

**Kioto,** Japanio. Ĉefdelegito D-ro Hideo Yagi, Medicina Fakultato Imperia Universitato.
D. S-ro Keiichi Shishido, studento, Kawaramati-Hirokozi.

**Košice,** Ĉeĥoslovakio, Slovakio. D. D-ro Josef Friedrich, fervoja konsilanto. Riaditelstvo štatnych Železnic II.

**Brno-Královo Pole,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Rudolf Fridrich, gimnazia profesoro, Purkyňová 79.
VD. S-ro Josef Martinek, fabrika oficisto, Královopolská strojírna.

**Ljubljana,** Sudslavio, Slovenac. D. S-ro Danilo Herkov, fin. oficisto, Gradišće 10 III.

**Lodelinsart,** Belgio, Hainaut. D. F-ino Ida Brassine, komerca oficistino, 54 Rue du Tarry-Mouchon.

**Lwów,** Pollando. VD. S-ro Henryk Schnützer, Str. Jagiellonska 17.

**Milano,** Italio. 1a. VD. S-ro Luigi la Pila, ĉefkonstruisto, Viala Col di Lana 4, Milano 23.
2a. VD. S-ro Giovanni Mainardi, piedisto, Viale Premuda 1, Milano 21.
3a. VD. S-ro Giovanni Tanzi, komunuma oficisto, Bronzetti 38, Milano 33.

**Milwaukee,** Usono, Wisconsin. D. S-ro John H. Williams, fajrasekuristo, 718 Duffum Str.

**Moravská Ostrava,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Alois Rossmanith, oficisto, Denisplatz 2, Mährisch Ostrau.

**Neunkirchen,** Saar. D. S-ro Rudolf Gerlach, materialejestro, Wilhelmstr. 45.

**New Duluth,** Usono, Minn. D. S-ro Rudolf Goldner, meĥanisto, 1108 — 104 Ave. W.

**Nusle,** Ĉeĥoslovakio, Praha XIX. D. S-ro Václav Čanský, landa oficisto, Riegrovo náměsti 1.
VD. S-ro Frant. Hájek, financa oficisto, Přemyslovo nábřeží 396.

## Provizore ne plu estas delegitoj en jenaj lokoj:

Amizmiz (Maroko), Anina (Rumanio), Basel (Svislando), Bitouchov (Ĉeĥoslovakio), Breznik (Bulgario), Brisbane (Aŭstralio), Brlohy (Ĉeĥoslovakio), Bruchmühlbach (Germanio), Constanta (Rumanio), Coronel Pringles (Argentino), Fresnes s. Escaut (Franclando), Geestemünde (Germanio), Har-Kineret (Palestino), Kelvä (Finnlando), Kemanlar (Bulgario), Kesselsdorf (Germanio), Keszthely (Hungario), Krimmitschau i. Sa. (Germanio), Kritzendorf (Aŭstrio), Kuressaare (Estonio), Lipine o. S. (Pollando), Lom-Palanka (Bulgario), Longuyon (Franclando), Lorch (Germanio), Louisville (Usono), Lučenec (Ĉeĥoslovakio), Lupeni (Rumanio), Marianské Hory (Ĉeĥoslovakio), Miedzyrzec (Pollando), Mühldorf a. Inn (Germanio), Nové Strašesí (Ĉeĥoslovakio), Oakland (Usono), Odorhei (Rumanio), Örös (Ĉeĥoslovakio), Pereces (Hungario), Podgora (Sudslavio), Pontypool (Britlando), Portland (Usono), Port-Said (Afriko), Purley (Britlando), Radom (Pollando), Rakow (Pollando), Regensburg (Germanio), Reims (Franclando), Richvale (Usono), Rjahovo (Bulgario), Ronsdorf (Germanio), Ruse (Bulgario), Salonta-Mare (Rumanio), Sarajevo (Sudslavio), Skutari (Albanio) Spišska-Kapitula (Ĉeĥoslovakio), Sviŝtov (Bulgario), Symonów (Pollando), St. Austell (Britlando), St Caprais de Bordeaux (Franclando), St. Donat [Franclando], Schandau [Germanio], Taipeh [Japanio], Teddington [Britlando], Theusing [Ĉeĥoslovakio], Tigbina [Rumanio], Todmorden [Britlando], Torelló [Hispanio], Uddevalla [Svedlando], Uerdingen [Germanio], Urbana [Usono], Utiel [Hispanio], Vaasa [Finnlando], Vernou [Franclando], Viareggio [Italio], Villa Banale [Italio], Waupun [Usono], Weidenau [Ĉeĥoslovakio], Weimar [Germanio], Wiipuri [Finnlando], Winterthur [Svislando].

Genève, 1 aprilo 1926.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

## Esperantista parolejo.

**Oni laŭdas!**

∴ S-ro *Vuk Echtner*, ano de UEA en Praha, kore dankas al S-ro Jaroslav Drvota, Del. en Domažlice, Ĉeĥoslovakio, kiu sukcesis reguligi aferon, kiun mi vane penis likvidi per multaj aliaj manieroj kaj intervenoj. Mi volas akcenti, ke la organizo de UEA utilas ankaŭ enlandajn servojn. S-ro J. Drvota pruvis tion per servo, kiun li faris en urbo enlanda, kiun mi mem ne povis viziti.

∴ Al S-ro Hilarius Sakaria, delegito en Tallin, mi dankas por detala negoca sciigo, kiu ŝparis al mi monon, kiun trompisto estus enpoŝiginta. *T. Kilian*, Del. en Dol. Kounice (Ĉeĥosl.)

## Esperantista Vivo.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Giovanni Della Savia*, Del. de UEA en Udine, Ital., kun F-ino *Blanka Mandel*, samideanino el Budapest.

**Edziĝoj.** — S-ro *Delfi Dalmau*, Del. de UEA en Barcelona, kun F-ino *Carme Argemi*.

— S-ro *André Moussier*, Del. de UEA en Vienne (Isère) kun F-ino *Yvonne Poulain*.

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *Döring*, Del. de UEA en Freiburg, naskiĝis tria ido, knabineto.

(Gratulon kaj bondeziron! La redaktisto.)

— Al Ges-roj *Tjong Hie Liem*, Del. de UEA en Semarang, Java, naskiĝis filineto nomita Henriette Hiang-No.

**Honorigo.** — S-ro prof. *Camille Aymonier* (Paris) kaj S-ro D-ro *Plantier* (Annonay) ricevis la krucon de Kavaliro de la Honora Legio.

— S-ro *Artur Pavelka*, membro de UEA en Olomouc, fariĝis senatoro en Ĉeĥoslovaka senato.



## Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro **Isaak Gurian**, Vicdelegito de UEA en Jerusalem, mortis 16 Februaro 1926. La palestina esperantistaro profunde bedaŭras la morton de tiu ĉi malnova samideano kiu konis persone la majstron. Fervora esperantisto li verkis gramatikon en judgermana lingvo kaj multe tradukis en Esperanto el aliaj lingvoj. Simpatia homo kaj idealisto, lia memoro restas inter ni. *J. M.*

F-ino **Mina Altmann**, fratino de samideano Chaim Altmann, membro de UEA, fervora lernantino de Esperanto, mortis post kelkmonata malsano en ŝia 18-a naskiĝtago la 25 Februaro 1926.

Leŭtenanto **Joŝifuĝi Ooba**, Membro-Abonanto de UEA en Tokio, mortis 25 decembro 1925.

S-ro **Eduard Osvald Brandt**, ano de UEA, mortis en Rakvece (Estonio) la 15. II. 1926.

S-ro **Lemuel D. Stockton**, Del. de UEA en Oakland, Kalifornio, 69-jaraĝa, subite mortis la 24 Januaro 1926



S-ro Stockton estis oferema, entuziasma laboranto por Esperanto dum multaj jaroj kaj ĉiam diversmaniere ĝin propagandis. Kiam li estis juna li estis instruisto, en la lastaj dudek jaroj li estis bienvendisto. En lia oficejo troviĝis la Biblioteko de la Esperanto Association of California, Inc., kies bibliotekisto li estis de ĝia organizado, ĉirkaŭ dek jarojn. Pro tio, ke li mem legis la tutan enhavon de tiu biblioteko (ĉ. 400 librojn kaj broŝurojn) li povis rekomendi al la legantaro la plej bonajn kaj legindajn.

La mortinto estis pacama, ĝentila kaj aminda homo. Li estis fraŭlo kaj postlasis unu fratinon kaj du fratojn.

Kvankam S-ro Stockton estis neriĉa (oni ofte diris, ke li estis la plej honesta bienvendisto en Oakland) li testamentis mil dolarojn al UEA, mil dolarojn al Esperanto Asocio de Nord-Amerika kaj kvincent dolarojn al Esperanto Association of California.

La esperantistaro en Kalifornio sentas profundan doloron pro la perdo de sia ŝatata amiko. Li ĉiam restu en nia memoro. *M. V.*

Pastro **Marcelo Maldonado**, malnova kaj fidela samideano el Venezuelo, kiun landon li forlasis laborinte en Kostariko, Salvadoro kaj fine en Meksiko, kie li mortis dum januaro 1926.

S-ro **Axel Liljeqvist**, ano de Sveda Federacio, 24. XII. 25, 46-jaraĝa.

F-ino **Adela Blatt**, kasistino de la grupo en Sarajevo.

F-ino **Clotilde Camurri**, entuziasma esperantistino, ano de UEA, onklino de sindona eksdelegito S-ro Orengo en La Spezia, post mallonga malsano.

S-ro **Aristarque Roncati**, filo de nia fervora Delegito en Nice, 19-jaraĝa, mortis 31 Januaro 1926. Tre interesata je Esperanto li multe helpis sian patron, nun kruele frapitan per tiu ĉi malfeliĉo.

S-ro **Friedrich Schneeberger**, pastro en Laufen kaj Lüsslingen, Svislando, prezidanto de la Idista Akademio kaj sekretario de la Idista Unio, mortis en Bern. Lerninte Esperanton en la jaro 1903, li estis elektita prezidanto de la Svisa Esperanto-Societo 1905 kaj ano de la Lingva Komitato. Gravan rolon li ludis en la Stenografia skolo Stolze-Schrey kaj verkis bonegan esperantan adapton. Transirinte en 1908 al la reformа movado kie li okupis ĉefan lokon li sin distingis per firma konvinko kaj senlaca agemo en lingva diskutado. Elektita kiel parlamenta stenografo li transloĝis Bern'on kie li mortis 18 marto 1926 en sia kvindekunua vivjaro.

Ni esprimas nian sinceran simpation al lia dolore frapita familio kaj al la idistaro, kiu perdis energian gvidanton.

